VIIa jaro. No 114 ★ Duonmonata ★ 20 Decembro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. ») 
**Luksa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) . . **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

**Okaze de la Nova Jaro, la Redakcio de " ESPERANTO " sendas al ĉiuj siaj legantoj kaj al ĉiuj Esperantianoj la plej korajn bondezirojn.**

## TEKSTO



# SAMIDEANA SIMPLECO (1)

En multaj urboj, kien mi vojaĝis por Esperanta propagando, miajn orelojn plenigis la akceptantaj samideanoj per rakontoj pri personaj aferoj kaj pri disputoj inter samurbaj grupoj aŭ konataj esperantistoj. Ofte de la stacidomo, ili jam komencis kaj daŭrigis tiun rakontadon ĝis la paroladejo kaj pli longe poste. Estas tre facile laciĝi pri tio, kiam ĝi preskaŭ ĉie kaj ĉiam okazas, sed pro ĝi malesperi pri la esperanta afero estus tre ridinde.

Efektive estas tre natura afero, ke en vasta movado kiel nia, troviĝas multaj diversaj tendencoj, diversaj manieroj, diversaj karakteroj. Mirinde ne estus, ke ili ofte konfliktas ĉu pri metodoj de propagando, ĉu en la lokaj aŭ ĝeneralaj organizaj demandoj. Nur tre natura estas tiu fakto, kaj pri tio malkuraĝiĝi estus nepardonebla kulpo. Sed pri tiuj rakontaĵoj tro interesiĝi kaj tro babiladi estas ankaŭ granda kulpo, ĉar tiel oni donas al ili gravecon, kiun ili per si mem ne havas kaj oni ilin malutiligas, dum ili kelkafoje povus esti ne malbonaj kaj eĉ utilaj por nia progreso.

Estas ja bela kuraĝigo por ni konstati, ke tiaj disputoj preskaŭ ĉiam okazas nur inter samnaciuloj kaj ke ĉie, kien enpenetris Esperanto, ĝi kreis intergentan, internacian pacon. Neniam en Esperantujo leviĝis sango kontraŭ sango aŭ raso kontraŭ raso. Tiajn batalojn, tiajn murojn nepre ĉesigis, nepre faligis nia lingvo kaj plej admirinda rezultato ĝi estas, realigante la noblan revon de Zamenhof.

Aliajn disputojn inter ideoj kaj karakteroj Esperanto neniam celis detrui ; ilin ĝi povas igi pli klaraj, pli puraj, forigante lingvan barilon, sed ilin ĝi povas ankaŭ kaŭzi, instigante fervorojn kaj energiojn por nova movado, en kiu kunlaboras miloj da homoj, ĉiu laŭ sia speciala malsama inspiro.

Ekzistis tempo, kiam la Esperantistoj ankoraŭ tre malmultaj kutimis reciproke ĉion aprobi aŭ admiri, kion unu kaj aliaj faris. Ekzemple en Esperantaj gazetoj la bibliografioj estis plenaj je dolĉaj vortoj pro ĉiuj ajn verkoj aperantaj. Nun la movado fariĝis tre vasta, la gazetoj kaj la verkoj ankaŭ. Ne volas aŭdi la legantoj nur pri la sindonemo de l'aŭtoroj, kiuj ofte devis antaŭe mem pagi por siaj eldonaĵoj. La esperanta publiko volas esti sincere informata pri la valoro de l'verkoj.

Do nun la bonaj gazetistoj ne ĝenas sin por esti kelkfoje severaj por iu vortaro aŭ lernolibro malbona, kiu povas erarigi aŭ eĉ trompi la aĉetantojn. Ilia kritiko estas necesa kaj tiaj disputoj ne estas bedaŭrindaj. Nur estas domaĝe, se la aŭtoro, aŭ la eldonisto, aŭ alia gazetisto ofendiĝas kaj respondas ne per argumentoj sed per personaj atakoj kontraŭ la kritikinto kun preteksto sin defendi. Same, se ekzistas du aŭ tri Esperanto-societoj en la sama loko, estus tute ne necese, ke la komitatanoj de unu sin konsideru tuj kvazaŭ malamikojn de la alia. Disputo povas okazi sen malamikeco, se babilemuloj ne malbonigas la aferojn per sia kulpa rakontemo kaj trograndigemo.

(1) Fragmentoj el parolado farita al italaj esperantistoj en Ĝenova la 4-an de Decembro 1911.

Se iu grava esperantista persono aŭ organizaĵo iel sekrete agis en maniero, kiu ne plaĉis al multaj, aŭ diplomate traktis kun malamikoj de nia afero, povas okazi pri tio publika demando aŭ kritiko. Pli bone estus respondi malkaŝe pri la tuta afero kaj klarigi siajn bonajn intencojn, unuvorte havi klaran kontentigan disputon, ol silenti pri la afero kaj tuj konsideri kiel malamikojn aŭ malbonulojn tiujn personojn, kiuj kuraĝis peti karigon. Aliflanke, se la klarigo estas donita, la kritikantoj devus honeste konfesi sian eraron, se ili eraris, kaj ĉiuokaze neniam akre ataki personojn.

Laŭ la deklaracio de Boulogne Esperanto estus normale uzata de iuj ajn personoj por iuj ajn celoj kaj do estus ankaŭ tute nature, se partianoj de unu politika aŭ religia partio uzas Esperanton por ataki la ideojn de kontraŭa partio. Tiajn disputojn Esperanto nur transportas sur la tutmondan kampon.

Ĉio ĉi estas tute natura kaj eĉ ofte bona, ĉar ĝi montras la viglecon kaj la vivon de Esperanto kaj de ĝia popolo. Sed la Esperantistoj devas konservi oftajn okazojn en kiuj ili povas forgesi ne nur naciajn diferencojn sed ankaŭ ĉiujn ceterajn.

Ĉe la Antverpena kongreso multaj fervoraj samideanoj *vigle disputadis pri organizaj demandoj. Du el ili, kiuj* perdis neniun okazon kontraŭparoli unu la alian dum la laborkunsidoj, iam fotografiĝis kune sidantaj tre gaje sur barelo, atendante la ŝipon sur la kajo de l'Skeldo. Ŝajnis al ambaŭ tre nature kune ĝoji en samideana familieco, kaj tute same ili tamen povos daŭri disputadi en gazetoj aŭ paroladoj pri la organizado de esperantistoj. Kial en samaj urboj la diversaj grupoj ne povus ofte kunveni kune malgraŭ siaj diferencoj ? En kelkaj lokoj tio okazas kaj bone sukcesas.

Kiam fondiĝas tiucele centra Esperantista *Hejmo* en granda urbo, ĉiuj esperantistoj devus ĝin helpi kaj kuraĝigi.

Sed ĉefe devus ĉesi la malbonega agado de babiluloj, kiuj iras de unu al la alia rakontante, kaj pligrandigante ridindajn detalojn. Ili nur ofte kreas malpacon. Neniam ankaŭ ni suspektu aliajn esperantistojn pri mongajnemo. Kelkfoje ni aŭdas : « tiu ĉi volas gajni per Esperanto, tiu organizo estas nur komerca k. t. p. ». Tra multaj landoj mi vojaĝis, sed nenie renkontis iun, kiu ne perdis multe da mono per Esperanta propagandado. Gajnis monon per nia lingvo komercistoj, kiuj ĝin uzas, sed ne propagandistoj, kaj eĉ estas ne bona kaj ne justa afero, ke la plej fervoraj laborantoj de nia afero ne estas pli helpataj, kaj sian tempon kaj monon devas plejparte mem oferdoni al nia afero por organizado, aŭ vojaĝoj aŭ paroladoj. Pri mongajnemo ĉesu do ĉiu suspekto, kaj en disputoj ĉiu zorgu nur pri la celo, ne pri personoj.

Pri sukcesa laboro de aliaj ni ne jaluzu, sed nur ĝoju kaj pri iu utila demando ni serioze kaj eĉ akre diskutu, se estas nepre necese ; kaj poste ni kune ĝoje kantu aŭ samideane kune tagmanĝu ; jen la sola vera esperantista vivado ! Kompreneble por tiel agi en nia esperantista vivo ni devas *uzi iom da bonvolo kaj* iom da morala konscienceco same kiel en ordinara ĉiutaga vivado.

Ĉefe se ni pli *agas* kaj malpli *babilas*, tiam libera diskutado kaj samideana kunlaborado fariĝas pli facilaj kaj pli agrablaj. Per sia mirinda influo Esperanto jam ĉie ekkreas pacon internacie. Inter samlanduloj ni ne malebligu nian lingvon disvastigi sian influon kaj blovi sian propran spiriton por krei atmosferon de malkaŝema kaj kora *simpleco*.

EDMOND PRIVAT.

# Liberaj Vortoj

## Ĉu la ekzemplo utilos ?

La bona gazeto *Voĉo de Kuracistoj*, per sia lasta numero anoncas al ni, ke ĝi ĉesos aperi... Mi ne speciale substrekus la malaperon de tiu gazeto, se tiu okazintaĵo ne denove ilustrus ideojn ofte elmetitajn ĉi tie, kaj kies konfirmon alportas al ni la faktoj mem.

Fondita antaŭ kvar jaroj, tiu gazeto, post multe da malfacilaĵoj, atingis la belan ciferon de 1.000 abonantoj, kio jam povis sufiĉi por garantii ekvilibron en la buĝeto de la eldonado. Sed la sekvantan jaron, tiu cifero duoniĝis kaj en 1911 restis apenaŭ 260 abonantoj. (Oni notu, ke intertempe la eldono kaj enhavo ne ŝanĝiĝis).

Ĉefa kaŭzo de tiu falo estis la apero de konkuranta gazeto *Internacia Medicina Revuo*. Trovante verŝajne, ke por apenaŭ 1.000 kuracistoj unu gazeto ne estis sufiĉa, iu eldonisto (?) kun multpromesaj reklamiloj, anoncis, ke li publikigos novan gazeton, regule aperontan kun plej diversa materialo.

Fakte, aperis de ĝi unu aŭ du numeroj. Tio sufiĉis por forpreni el la ekzistanta *Voĉo de Kuracistoj* la plej grandan parton de la legantoj, kiuj — sendube por « subteni la novan gazeton en la intereso de nia afero » — sendis siajn du Sm., al la eldonisto, kiu interŝanĝe sendis al ili... nenion.

La rezultato de tiu sprita konkurenco estas la jena : *Internacia Medicino* ne povis vivi per la abonoj, kiujn ĝi prenis ; *Voĉo de Kuracisto* devas ĉesi pro la abonoj, kiujn ĝi perdis.

Tiu fakto estus tamen malpli bedaŭrinda, se ĝi servus kiel utila ekzemplo (pri kio mi cetere dubas.) Sendube, ĉiam ekzistos maniuloj aŭ iluziuloj, kiuj kredas facile sukcesi tie, kie aliaj jam de longe kun peno laboras, sed ĉu oni povas almenaŭ esperi, ke jam post multaj spertoj la Esperantista publiko ĉesos doni sian apogon al dubaj entreprenoj kaj tiamaniere senvole mortigi la seriozajn ? H. H.

# Al Niaj Legantoj

De unu jaro aperas *Esperanto* en sia nuna « revua » formato, forlasinte la antaŭan kvarpaĝan jurnalan vestaĵon. Se ni povas taksi la opinion de la publiko laŭ la nombro de la abonantoj — kaj ŝajnas, ke pli bonan kriterion ni ne povas trovi — ni devas konstati, ke tiu ŝanĝo estis tre favore konsiderata. Fakte, ne nur la antaŭaj legantoj estis konservitaj, sed ankaŭ ŝatinda nombro de novaj amikoj venis al nia gazeto.

Se oni legetas la tabelon de enhavo, kiun ni aldonas al tiu numero, oni konstatos, ke dum tiu jaro estis publikigataj 185 artikoloj (enkalkulante nek la ordinarajn Esperantajn rubrikojn, nek la Bultenojn), verkitaj de la plej diversdevenaj kunlaborantoj kaj pri la plej malsamaj temoj. Ni nur bedaŭras, ke manko de loko ne permesis al ni doni al nia rubriko « Socia Vivo » la amplekson kaj kompletecon, kiujn ni dezirus.

Ni penis plibonigi niajn Esperantajn rubrikojn kaj fari tiel, ke ili enhavu laŭeble nur freŝajn faktojn. Kvankam en tiu rilato progresoj estas faritaj, ni ne kaŝas, ke multo povas ankoraŭ esti farata, se *ĉiuj* Delegitoj bonvolus regule nin informi pri la Esperantaj novaj faktoj, koncernantaj ilian regionon. Anstataŭ la seka anoncado de la novaj libroj, niaj legantoj povis ŝati la trafajn kritikajn notojn de nia klera kunlaboranto Verto.

Fine, ne anoncinte ĝin antaŭe, *Esperanto* aldonis al si plurajn fakajn Bultenojn (*Propagandisto, Komerca Bulteno, Virina Bulteno, Laborista Bulteno, Interŝanĝa Bulteno*). En la lasta tempo ĉiu numero estis akompanata de speciala Bulteno kaj ni zorgos, ke tiel estu ankaŭ en la estonteco.

Ni do esperas, ke konsiderinte tiujn diversajn plibonigojn aŭ almenaŭ dezirojn al plibonigo, niaj abonantoj bonvolos daŭrigi al ni sian apogon dum la nova jaro kaj varbi al ni novajn legantojn, ĉar nur per la nombro *Esperanto* povos prosperi kaj progresi.

LA DIREKTORO.

# SOCIA VIVO

## Ĥinujo (1)

Estas ne diskutata fakto : neniu lando en la mondo posedas pli antikvan historion ol Ĥinujo, kaj ĝia civilizo venas de la plej malnovaj tempoj. Kiel la aliaj nacioj ĝi havas siajn legendojn, pri kiuj oni asertas, ke ili datas je kvin cent mil jaroj ; sed ĉar mankas aŭtentikaj dokumentoj pri tio, oni povas nur malmulte kredi tiun pretendon. Tamen, la surtroniĝo de imperiestro Fuk-Hi, en la jaro 2953 antaŭ Kristo, estas citata en la ĥinaj analoj, kaj kun tiu regado malfermiĝas la periodo konata en Ĥinujo sub la nomo « Alta Antikveco ». De tiu epoko, disvolviĝas tuta serio de dinastioj, kiuj tra la jarcentoj, atingas la nunan tempon. La nomoj de tiuj imperiestroj, ilia regado kaj la ĉefaj faktoj dume okazintaj, ĉiuj estas notitaj en la ĥinaj analoj.

Oni povas ĝuste diri, ke la ĥina civilizo estas la plej respektinda. Ĝi fondiĝis je la plej antikva periodo kaj disvolviĝis laŭ propra al ĝi etika sistemo, laŭ la morala kaj socia kodo, kiujn ĝi kreis ekster ĉiu fremda helpo aŭ influo. Tion ĝi parte ŝuldas al sia geografia situacio, sed precipe al la homogeneco de la popoloj el kiuj ĝi konsistas kaj kiuj, krom kelkaj malgravaj esceptoj, ĉiuj apartenas al la sama raso, uzas la saman lingvon, posedas komunajn religion kaj literaturon, kaj sin regas proksimume laŭ la samaj leĝoj sociaj kaj moralaj, kaj laŭ samaj moroj.

Diskuti la diversajn fazojn de la ĥina civilizo mi ne celas, sed eble oni povas ricevi pri Ĥinujo sufiĉe ĝeneralan ideon, ĝin konsiderante el kvar malsamaj vidpunktoj.

1. *Religia vidpunkto.* — De nerememorebla tempo, la Ĥinoj ŝajnis havi precizajn religiajn kredojn. Ili havis tre netan ideon pri Diajo, supera estajo, kiu direktas la destinon de la universo. Oni ĝin nomis « Reĝo de la Ĉielo » aŭ « Superega Dio », kaj oni supozis, ke la destino de ĉiu homo kaj ĉiu objekto estas difinata de li. Oni lin montris samtempe justa kaj kompatema, kaj kvankam li rekompencis la bonulojn kaj punis la malbonulojn, li tamen moderigis la justecon per la kompato. Li do estis respektata kaj adorata de ĉiuj, de la imperiestro ĝis la kamparano. Aliaj dioj estis ankaŭ adorataj, sed ili estis konsiderataj kiel ministroj de la reĝo de la Ĉielo, kiu komisiis al ili diversajn oficojn, kiel iu imperiestro al siaj oficistoj. Tia religia kredo persistas ĝis nun, aparte en la kleraj klasoj, kaj ĝi havis fortan kaj bonan influon al la ĥina civilizo, malgraŭ la mistikaj kaj ofte idolaj doktrinoj, kiujn enkondukis la tiel nomataj Taoistoj kaj Budhistoj, dum la Mezepoko de la ĥina historio.

2. *Socia kaj morala vidpunkto.* — De la plej malnovaj tempoj, la Ĥinoj posedis propran moralan kaj socian kodon, kiu ne ŝanĝiĝis dum du dekoj da jarcentoj. La kodo konsideras kvin specojn de rilatoj, kaj ĉiu posedas siajn devojn, sian respondecon kaj siajn rajtojn. Unue, la rilatoj inter la regnestro kaj la regnanoj. Tiu devas zorgi pri sia popolo kun amo kaj bonvolo, tiuj ĉi devas obei al sia reĝo kaj lin servadi lojale kaj fidele. Venas poste la parencoj kaj la infanoj « Respektu ciajn gepatrojn » estis kaj estas ankoraŭ ordono tiel dia por la Ĥinoj, kiel por la Hebreoj ; la ĉapitro titolita « Fila pieco » devigas, per severega leĝo, ĉiujn infanojn de sama familio al la amo kaj obeo al la parencoj. Siaflanke tiuj ĉi havas la devon ilin ami, eduki kaj prizorgi por la estonteco. Oni povas diri, ke en nenia lando la familiaj ligiloj estas tiel sanktaj, kiel en Ĥinujo.

Poste venas la geedzaj rilatoj, kaj, ĉar ekzistas sufiĉe multaj eraraj ideoj pri la stato de la virinoj kaj la praktiko de poligamio, mi pli longe parolos pri tio. La edzo devas trakti sian edzinon kun respekto kaj ĝentileco ; li havas la devon zorgi pri ŝia vivo kaj ŝin ami; siaflanke la edzino ŝuldas al li amon kaj obeon. La leĝo permesas al la viro nur unu edzinon. Estas do erare diri, ke la Ĥinoj estas poligamoj, ĉar fakte preni pli ol unu edzinon estas konsiderata kiel ofendo al la leĝo ; oni ĝin punas severe kaj nuligas la duan edziĝon. Tamen, kiel koncesiaĵo al la homa malforteco, por permesi la prizorgon la infanoj de naskitaj ekster edzeco kaj ankaŭ por certigi la kontinuecon de la familio, la leĝo rekonas la situacion de la infanoj naskitaj, de kromedzinoj kaj permesas al ili fariĝi membroj de la familio, kvazaŭ ili estus naskitaj en edzeco. Tiu ĉi leĝa indulgo iom post iom sekvigis trouzojn kaj donis la impreson, ke Ĥino povas havi tiom da edzinoj, kiom li deziras. Fakte, la tiel nomata dua edzino tute ne estas rekonata de la leĝo kaj posedas nenian laŭleĝan situacion en la ĥina familio. Multaj ideoj eraraj ekzistas ankaŭ pri la nuna stato de la ĥinaj virinoj. Por tiuj, kiuj funde konas la ĥinan familian vivadon, la stato de la ĥinaj virinoj ne ŝajnas tre malsupera al tiu, kiun okupas la plimulto de iliaj Okcidentaj fratinoj. En la ĥina hejmo ili regas kiel mastrinoj. Kiel imperiestrinoj, edzinoj kaj fratinoj, ili ĝenerale estas tute respektataj. Ilia edukado, eĉ en la plej malnova tempo ne estis tute flanklasita ; oni frue ilin instruis pri kudrado kaj mastrumado, por ke ili fariĝu bonaj kunulinoj de siaj estontaj edzoj. De la komenco de la nacia reforma movado, je la lastaj jaroj, oni organizis multe da publikaj kaj privataj lernejoj por junulinoj. Oni iom post iom forlasas la kutimon de la endomigo de la virinoj kaj ili nun estas tiel liberaj kiel iliaj Okcidentaj fratinoj.

La kvara speco de rilatoj koncernas la sintenadon de la pli junaj membroj de la familio kontraŭ la malpli junaj. Tio estas la temo de multaj regularoj. La Ĥinoj postulas de la junuloj multe da respekto por iliaj pliaĝuloj, kiuj interŝanĝe devas ilin trakti kun boneco kaj ĝentileco. Tiu leĝo estas praktikata, ne nur en la familioj, sed ankaŭ en ĉiuj vilaĝaj komunumoj. Tial, oni ĝenerale elektas en la vilaĝetoj kaj kamparoj konsilantaron de maljunuloj, kiu zorgas pri la lokaj aferoj kaj kies decidoj kutime estas konsiderataj kiel leĝoj. La ŝtatoficistoj tre malofte intervenas en tiujn aferojn kaj tiel oni evitas grandan tempoperdon kaj konservas la ordon, sen multe da klopodo kaj elspezoj de la registaro. Tiu metodo de loka direktado per la kleraj familioj kaj la maljunuloj de ĉiu regiono, ĉiam sin montris kaj ankoraŭ sin montras tre utila. Ĝi formas la kernon de la loka memstareco kaj la bazon de la parlamenta registaro.

Fine, venas la rilatoj inter la amikoj. Pri ili la kodo postulas reciprokan sincerecon, fidelecon kaj afablecon. Tiu morala leĝo certigas la honestecon kaj rektecon en ĉiuj negocoj kaj malmultaj Ĥinoj kuraĝas ĝin malobei. Tial la konata komerca honesteco de la Ĥinoj estas ŝatata samtempe de la fremduloj kaj enlanduloj.

3. *Politika vidpunkto.* — De la komenco de sia historio ĝis nun la Ĥina registaro konservis patriarkan karakteron. Ĝi estas starigita sur tiu teorio, ke la imperiestro estas la patro, elektita de la ĉielo. Dum multaj jarcentoj, tiu, kiu okupis la imperiestrian tronon, konservis tiun altan postenon dum sia vivo, kaj je sia morto aŭ kiam li eksiĝis, la imperiestro mem, la popolo aŭ ĝiaj reprezentantoj elektis kiel posteulon lertan kaj virtan ministron. Ĉar la registaro ekzistis nur por la bono de la popolo, la imperiestro estis fakte devigata eksiĝi, escepte se oni lin eksigis perforte pro malbona regado. La historio de Ĥinujo enhavas plurajn ekzemplojn de tiaj faktoj. En 1766 antaŭ Kristo, Ĉeng-Tang, fondinto de la dinastio

(1) Laŭ raporto de D-ro Vu Ting-Fang, ĉe la 1-a Universala Raskongreso.

Ŝang, elpelis la malbonan reĝon Kieh kaj en 1122 antaŭ Kristo, Wu-Wang, de ja dinastio Ĉov, eksigis la kruelan imperiestron Ĉu. Se tiaj faktoj okazis malofte, oni tion ŝuldas al la relative bona organizo de la registaro, al la saĝo de la monarkoj kaj al speciala reĝimo de kontrolado kaj reciproka respondeco inter ĉiuj klasoj de la popolo; tiu reĝimo havis kiel konsekvencon malhelpi la regnanojn interveni en la ŝtatajn aferojn. De la eniro de la fremduloj en Ĥinujon, la starigo de fremdaj konsulejoj en diversaj havenoj, la rilatoj kun la eksterlandaj oficistoj, negocistoj kaj misiistoj, la Ĥinoj iom post iom konatiĝis kun la sistemoj de pli liberalaj registaroj en Eŭropo kaj Ameriko. La konsekvenco estas, ke dum la lastaj jaroj, la ŝtatoficistoj kiel la regnanoj montris varman deziron al reformoj. Ofte, la regnanoj ne hezitis sendi riproĉojn pri agoj de la registaro, kiujn ili juĝis malutilaj. Antaŭ kelkaj jaroj, laŭ la formala deziro de la popolo, aperis imperiestraj dekretoj, kiuj promesis konstitucian registaron kaj la kreon de nacia Parlamento antaŭ dekjaroj. Oni nun faras la necesajn preparojn por tio (1). Lokaj kunvenoj, konsistantaj el la diversdistriktaj delegitoj, formiĝis kaj diskutas la demandojn de loka aŭ provinca intereso. Lastatempe organiziĝis Senato, konsistanta el nobeloj, oficistoj, kleruloj pri scienco, literaturo aŭ komerco. Tute laste la popola voĉo jus postulis la formiĝon de respondebla ministraro kaj la dekjara periodo, fiksita antaŭ la inaŭguro de la Parlamento, ŝajnis tro longa. Cedante al tiuj postuloj la registaro tiam fiksis la kunvenon de la Parlamento je 1913, dekretis, ke la oficiala sistemo estos ŝanĝata, konstitucio preparata kaj la necesaj reformoj plenumataj. Oni do povas esperi, ke antaŭ du jaroj ekzistos en tiu antikva imperio konstitucia registaro kaj Parlamento. — (*Daŭrigota.*).

D-ro Wu Ting-Fang,
*Eksambasadaro de Ĥinujo en Ameriko.*
Trad. A. R.

## Skizoj el Irlando

La tridekan de junio iom antaŭ la kvina vespere, mi estis en la Londona stacidomo *Euston* por forveturi Irlandon. Mi prenis bileton de dua klaso, ĉar oni estis dirinta al mi, ke tial ke Angloj ĝenerale preferas la unuan kaj la trian klason, mi havos en la dua pli da spaco por miaj kubutoj. Estas eĉ anglaj fervojoj, kiuj tute ne havas duan klason, sed nur unuan kaj trian, tiun ĉi ĉar parlamenta dekreto ĝin postulas.

Por eniri la vagonon, mi ne bezonis penege supreniri kvar aŭ kvin ŝtupojn; mi eniris ebene, tial ke la perono estas je la nivelo aŭ preskaŭ de la pordosojlo. Estis vagono kun flanka koridoro, iom pli mallarĝa ol niaj, sed, kiel mi baldaŭ spertis, pro tio ruliĝanta pli malpeze kaj kun malpli da bruo. Kaj kia rapideco! Mi sentis min freneze forŝirata! Dum du horoj neniu halto; la unua okazis en Stafford. La pejzaĝo en la ĉirkaŭaĵo de Londono estas tre pentrinda: sur la terajo ondoforma etendiĝas vastaj paŝtejoj, apartigitaj de multe da plektobariloj kaj surŝutitaj per grandaj arboj aŭ grupetoj da arboj dense foliigitaj; tie ĉi kaj tie rivereto aŭ kanalo, aŭ vilaĝo el brikaj dometoj en vicoj, ĉiuj egalaj kun ĝardeneto apude. Antaŭirante oni forlasas la kampajn regionojn kaj eniras industriajn kaj minajn. La urboj fariĝas pli grandaj kaj prezentas stratojn malpurajn, en kiuj moviĝas malriĉa laborista popolamaso; altaj kamenoj leviĝas al la nuboj kun plumareto de nigra fumo, kaj en la mallumo de la vespero oni ekvidas flamajn minfornojn.

Post Stafford la vagonaro haltas en Crew, Warrington kaj Preston, ĉiuj grandaj urboj tre industriaj, sed iom malgravigataj de la proksimeco de la pli grandaj Manchester kaj Liverpool. Je la dekunua mi alvenis al Flutwood sur la marbordo. Trapasinte koridorojn de grandega ligna trabajo, mi atingis la vaporŝipon *Duke of Albany*. Fleetwood ne estas la sola haveno por enŝipiĝi Belfaston; mi povus elekti ankaŭ Liverpool aŭ Heysham aŭ Barrow kaj eĉ Stranrear en Skotlando, kiu prezentas la plej mallongan martransiron.

La vetero estis favora, kaj antaŭvidante bonan marvojaĝon, mi ĝoje sidiĝis ĉe la manĝotablo de la salono. Iom post la dekunua mi eksentis la unuan movon de la ŝipo, kaj baldaŭ ĝia regula vibrado konigis al la vojaĝantoj, ke ili estas ŝipirantaj tramare. Kiam oni ne devas timi la marmalsanon, la marirado estas agrablega, eĉ dum la nokto. Mi promenadis sur la ferdeko, admirante la ludadon de la ondoj en la lunlumo kaj plenpulme enspirante la fortigantan maraeron; poste mi malsupreniris en mian kajuton por ripozi. Tie troviĝis kvar pendlitoj, ĉiuflanke du unu super la alia. Mi elektis unu el la malsuperaj kaj enlitiĝinte dormis bonege malgraŭ la vibrado, la krakado de la trabaro kaj la bruo de la ondoj kontraŭ la ŝipflankoj. Kvankam *Duke of Albany* ne estas nova ŝipo, ĝi tamen provizas sufiĉan komforton. Estas en ĝi elektra lumo, kanapoj, bonaj seĝoj, bonaj manĝoj, servema servistaro. Nur rilate al la lukso kaj beleco ĝi estas decide malsupera al aliaj pli novaj vaporŝipoj de la sama vojo.

Kiam, en la frumateno, mi supreniris sur la ferdekon, la ŝipo estis jus forlasanta la Belfastan Golfon kaj eniranta la riveron Lagan. Sur la maldekstra flanko troviĝis ŝipkonstruejoj kun grandegaj trabajoj; sur la dekstra mi vidis dokojn plenajn je ŝipoj el diversaj landoj, kaj laŭlonge la kajo vicaron da ankritaj vaporŝipoj jus alvenintaj aŭ pretigantaj sian forveturon. Fine la *Duke of Albany* atingis sian albordiĝejon. Amiko kun veturilo atendis min tute proksime, kaj mi baldaŭ min trovis en familia rondo interŝanĝante amikaĵojn kaj sciigojn.

Belfast estas la plej loĝata urbo de Irlando kun pli ol kvar cent mil loĝantoj, la plej riĉa kaj industria; sed ne la ĉefurbo. Tiun ĉi honoron ĝi lasas al Dublin, kiu estas urbo pli antikva kun historio pli interesa, ĉar de ĝi devenis kaj progresis la angla almilito de la insulo. La ĉefa industrio de Belfast estas la fabrikado de lintolo. Dum la amerika milito la Belfastaj industriistoj efektivigis grandajn riĉaĵojn. Alia industrio de la urbo estas la ŝipkonstruado. La du firmoj Harland kaj Wulff kaj Workman & Ko, okupas pli ol dekdu mil laboristojn. La unua precipe akiris mondfamon pro siaj monstraj konstruaĵoj, kiel Olympic kaj Tatanic.

La urbo estas tre vasta kaj havas en la centro kelkajn belajn stratojn kun luksaj magazenoj kaj grandaj publikaj domoj. La ĉefa el tiuj ĉi estas la urba domo, vera palaco meze de granda placo ĝardene ornamita. En la centro de la konstruaĵo altiĝas eleganta kupolo je renesenca stilo; la tuto estas nova kaj kostis ses milionojn da frankoj. Oni ankaŭ rimarkas kelkajn belajn preĝejojn en la servo de la diversaj religiaj konfesoj. Tiuj ĉi estas tre nombraj, presbiterianoj, anglikanoj, metodistoj, baptistoj, katolikoj, k. t. p., ĉar la mozaiko de la sektoj en tiu ĉi urbo estas tre multkolora. Ne maloftaj estas la malkonsentoj inter ili, precipe inter la protestantoj kaj la katolikoj. Ili okazas preskaŭ regule ĉiujare, la 12-an de julio, kiam la protestantaj Oranĝistoj festadas la batalon, kiun la reĝo William III of Orange gajnis kiel defendanto de protestantismo kontraŭ James II, sur la rivero Boyne en la jaro 1690. Je tiu tago okazas granda marŝado tra la urbo kun multe da standardoj, sur kiuj vidiĝas la portretoj de famaj Oranĝistoj aŭ tiu de la reĝo William trapasanta sur ĉevalo la riveron Boyne dum la batalo. Kun la viroj marŝas en la procesio ankaŭ virinoj kaj infanoj; forlasante la urbon, ili iras sur difinitan kampon en la proksimeco, kie ili aŭskultas la incitigajn paroladojn de la ĉefantoj. Ĉe la rivero, vespere, la procesio estas ofte atakata de la popolaĉo, kaj sekvas batalo, en kiu la ŝtonoj jetataj de ambaŭ flankoj ludas pereigan rolon, ĝis policanoj interve-

(1) Tiu artikolo estis skribata kelkajn semajnojn antaŭ la nuna revolucio (*Red*).

nante perforte pacigas la du partiojn. Tamen la sango fluadis, kaj la koroj kolerigitaj amasigis novan malamon por la venonta jaro.

Kiel en aliaj fabrikejaj urboj, la laborista loĝantaro okupas la plej grandan parton de la urbo. Iliaj domoj formas longajn vicojn tre unuformojn, ĉiu dometo el brikoj kun malantaŭajo tre malpura. La riĉuloj, plejmulte komercistoj, loĝas prefere en la antaŭurbo aŭ sur la kamparo, kaj iliaj vilaetoj estas tre belaj kaj komfortaj, ĉiam ĉirkaŭitaj de bela ĝardeno ombrata kaj verda.

Sed Belfast ne estas nur industria urbo ; ĝi havas ankaŭ instituciojn por la instruo en scienco kaj arto. La ĉefa estas la Universitato. La alia inteligenta loĝantaro trovas instruon en la bela granda urba biblioteko, kiu senpage pruntedonas siajn librojn, kaj eĉ provizas vastan legoĉambron, kie ĉiutage centoj da komizoj kaj eĉ laboristoj, venas legi la jurnalojn. Granda koncerta halo, la *Ulster Hall* kunigas la muzikamantojn dum la vintraj vesperoj. Botanika ĝardeno havigas al la promenantoj instruon kun plezuro.

La fideluloj vizitadas la preĝejojn, kaj la diservoj estas tiel ĝenerale ŝatataj, ke ĉiudimanĉe je la horoj difinitaj por ili, la stratoj sin kovras de homoj piedirantaj al la preĝejoj, kvazaŭ ĝi estus pilgrima procesio.

Tre admirindaj estas la publikaj parkoj en diversaj partoj de la urbo. Ili estas belaj kaj vastaj. Tie la laborista loĝantaro de Belfast, kiu dum la tago laboras en mallarĝaj, pli malpli malsanigaj fabrikejoj, povas en la somcraj vesperoj sin mallacigi kaj amuzi en plena aero, sur freŝaj herbejoj. Ĉar la vespera duonlumo daŭras pli longe en tiu latitudo, ol en pli suda, ili povas tion fari ĝis post la deka.

P-ro A. Caumont (Lausanne).

## Dreadnoughts kaj ŝipegoj (1)

II

La granda germana kompanio Hamburg-America komencis la konkurencon surakvigante la belegan ŝipon *Deutschland* ; poste, Anglujo, kiu klopodas konservi sian marsuperecon konstruigis pli gravan ŝipon, nome la *Lusitania*, kiu apartenas al la kompanio Cunard. Tiu ŝipego, kiu nur antaŭ du jaroj, estis la plej granda de l'mondo, havis 225 metrojn de longeco kaj 26 de larĝeco ; la alteco de la kilo ĝis la ferdeko estis 24 metroj, el kiuj 12 estas ankoraŭ en la akvo, kiam la ŝipego estas ŝarĝita. La tuta potenco de la kvar vapormaŝinoj estas 70.000 ĉevalfortoj kaj la kamenoj, kiuj ebligas la bonan funkciadon de la fajrejoj, estas altaj 48 metrojn.

Tiu ŝipego estas dividata je dek etaĝoj, el kiuj la kvin superaj estas rezervataj al 1.350 pasaĝeroj, t. e., 550 de unua klaso, 500 de dua, 1.300 de tria kaj 26 staboficiroj. Ĉar krom tio tiu ŝipo kalkulas 874 maristojn, mekanikistojn, kuiristojn kaj geservistojn, ĝi povas enhavi loĝantaron da 3.700 personoj, pli ol multaj urbetoj. La komunikojn inter la etaĝoj faciligas ok mekanikaj liftoj ; la lumon kaj aeron donas 1.200 fenestroj kaj ventoliloj, dum la arta lumigado estas farata de 5.000 elektraj lampoj de diversaj potencoj.

Por certigi la maksimumon de sendanĝereco, la tuta metala konko de l'*Lusitania* estas dividata je 75 fakoj apartaj kaj izoligeblaj unu de la alia. Por rapideco de 25 nodoj, kiu permesas plenumi en kvin tagoj la 300 marmejlojn da 1850 metroj, kiuj apartigas Liverpool de New-York, la ŝipo devas bruligi 1.250 000 kilogramojn da karbo tage, t. e., almenaŭ 6.250 tunojn por la tuta traveturado.

Tiu ŝipego kostis 14.000 milionojn da Sm., kaj la kompanio Cunard rapide donis al ĝi fraton sub la nomo *Mauritania*, kiu iras iom pli rapide, sed kostis proksimume 1 milionon plie.

Dume, por subteni la konkurencon kontraŭ la nova ŝipo *Kaiser-Wilhelm* konstruita de la germana kompanio Hamburg Amerika, la angla societo White Star preparas por la maro du novajn kolosojn, la *Titanic* kaj *Oceanic*. La batalo cetere daŭras. Siaflanke la kompanio Hamburg-Amerika estas konstruanta en la grandegaj konstruejoj de societo Vulcan novan margiganton, *Europa*, kies dimensioj superas ĉion, kio estas ĝis nun farita. Tiu monstro efektive mezuras 274 metrojn de longeco kontraŭ 30 de larĝeco ; ĝi havas 50 000 tunojn dum la *Titanic* kaj *Oceanic* atingas nur 45.000. De la kilo ĝis la ferdeko la alteco estos 29 metroj, kio permesos doni al la 4.250 pasaĝeroj de tiu naĝanta urbo la plej grandan komforton kun la lastaj perfektigoj de la moderna tekniko.

Interese estas konstati, ke por la ŝipego *Europa*, oni antaŭ vidis mastojn de nekutima alteco, por ke ili povu facile servi kiel portiloj kaj antenoj por la senfadena telegrafado. Dank'al tio, oni povos ricevi kaj sendi komunikajojn je distanco supera al la duono de Atlantiko, tiel ke la *Europa* estos konstante en interrilato kun la tero, ĉu per unu, ĉu per la alia bordo.

Se la stimulo kaj konkurenco inter la iloj de ruinigo kaj mortigo kiaj estas la *Dreadnoughts* estas malĝojiga, tiuj inter la transatlantikaj ŝipegoj estas vere interesaj, ĉar oni konstatas, ke ili baldaŭ ebligos al la ŝipoj veturi je la rapideco de 30 nodoj ĝis nun ne atingita, kio donos al la negocistoj kiel al la turistoj la grandegan profiton traveturi Atlantikon en kvar tagoj, anstataŭ en kvin almenaŭ.

Ed. Lullin.

(1) Trad. el *Journal de Genève*.

## La alkolhoproblemo en Rusujo

La alkoholproblemo en Rusujo komencis esti esplorata nur antaŭ du jaroj, kiam membro de la Duma, S-ro. Ĉeliŝev, atentigis siajn kolegojn pri la progresoj de alkoholismo en en nia lando. Dum en aliaj landoj oni komencis de longe kontraŭbatali la teruran venenon, je tia sama tempo preskaŭ neniu rimarkis teruran danĝeron de alkoholo por Rusujo kaj nur apartaj personoj, popolamantoj, idealistoj, kontraŭbatalis, ne videblaj, nerimarkitaj, malhelpitaj kaj iafoje premitaj. Nur S-ro Ĉeliŝev vekis Rusujon per siaj paroladoj ĉe la Duma tribuno, aŭditaj en ĉiuj anguloj de Rusujo kaj Siberio. Ili kuraĝigis la tiam izolajn batalantojn, kiuj grade grupiĝis kaj unuiĝis. Dum Kristnasko 1909, estis aranĝita la unua tutruslanda kongreso de antialkoholistoj ; en Duma kaj Regna Konsilantaro oni de tiu tempo multe parolis pri la alkoholproblemo, pri enkonduko de antialkohola instruado en la lernejoj. Multaj instruistoj komencis instruadi siajn lernantojn pri sobreco kaj klarigi al ili la malutilojn de ebrieco. Eĉ la Sinodo (1) deklaris, ke la episkopoj kaj pastraro devas fervore kontraŭbatali alkoholismon.

Kiel oni vidas, la demando estas « en aero » kaj ni povas esperi, ke baldaŭ en Rusujo, same kiel en la aliaj landoj, oni organizos pli serioze kaj regule la bataladon kontraŭ alkoholo. En tuta Rusujo estas eldonataj nur kvar antialkoholaj gazetoj ; la eklezia Peterburga Aleksandra-Nevska Societo de Sobreco, unu el la plej grandaj ekzistanta de 12 jaroj, eldonis sufiĉe vastan antialkoholan literaturon, murtabelojn, foliojn, albumojn, poŝtkartojn, lumbildojn. En Peterburgo, Moskvo, Kazan, Tomsk, Tver kaj aliaj urboj kaj vilaĝoj antialkoholaj societoj ; kelkaj el ili kalkulas dekojn da miloj de membroj pagantaj kotizajon.

Kvankam la stastitiko montras, ke Rusujo laŭ kvanto de alkoholkonsumado, okupas nur la okan lokon en la vico de aliaj « malsobraj » landoj, ĝi sendispute havas la palmon de

(1) La Sinodo estas konstanta kunveno de 12 episkopoj, veturantaj laŭ la volo de l'caro el siaj eparkioj Peterburgon por tie labori por la bonstato de la ortodoksa eklezio ; ĉiu episkopo laboras dum 2-3 jaroj kaj poste estas anstataŭata de alia. Por kontroli la decidojn de la Sinodo, la caro elektas reprezentanton nomatan « prokuroro » de sinodo.

supereco laŭ maniero de drinkado ; ĉar, se en kulturaj landoj oni drinkas regule, kun sata stomako, en Rusujo oni drinkas neregule kun malsata stomako; la popolo estas ankoraŭ malklera kaj tial ĝia konduto estas maldelikata kiam ĝi drinkas. Kiu ne vidis la drinkadon en Rusa vilaĝo, tiu ne povas imagi ĝin. Eĉ la rusaj kaj alilandaj kronikistoj ĉiam notis, ke rusoj multe drinkas kaj drinkas maldelikate kaj brueme. Rusa proverbo diras « mujiko (vilaĝano) dum unu jaro ne drinkas, mujiko dum dua jaro ne drinkas, sed se li nur unu fojon ekdrinkas, li ĉion fordrinkos ». Kaj vere la rusa popolo konsumas jare 700 milionojn da Sm., por la brando, ne kalkulante la vinon kaj bieron.

Dum la unua antialkohola kongreso, vizitita de multaj partoprenantoj el ĉiuj partoj de Rusujo kaj eĉ de fremduloj S-ro Ŝingarev, Dumano, donis multe da interesaj statistikaj informoj pri popola drinkado. Li certigas, ke alkoholismo multe dependas de la sociaj kondiĉoj, nome de la malriĉeco de nia laboranta klaso. Oni faris observojn kaj jen la rezultatoj : ĝis la aĝo de 14 jaroj inter mezaj klasoj oni drinkas 3 %, inter laboristoj 9 % ; ĝis la aĝo de 25 jaroj, 79 % inter laboristoj kaj 99, 5 % inter laboristoj. Preskaŭ ĉiuj laboristoj drinkas ! La loĝeja demando havas ankaŭ grandan signifon : inter tiuj havantaj nur unu ĉambron 77 % kaj inter tiuj havantaj nur angulon 84 %. De la plej juna aĝo oni komencas drinki. Per enketo oni demandis la gelernantojn de malsuperaj lernejoj en Moskvo kaj Peterburgo. En Moskvo 76 0/0 de la lernantoj uzas alkoholon, en Peterburgo 96 %. En tiu lasta urbo drinkis ĝis ebrieco 24 %. Krom sociaj kondiĉoj influas multe niaj rusaj moroj. Tre terure estas, ke la ortodoksa pastraro kutimigis la popolon drinki dum ĉiuj religiaj ritoj (morto, bapto, nasko, festotago, edziĝo). Ruso ne povas edziĝi, enterigi mortinton, bapti, sen alkoholo. Interesaj estas la jenaj ciferoj : multe drinkas la ortodoksuloj kaj katolikoj, pli malmulte la mahomedanoj, kaj ankoraŭ pli malmulte la hebreoj, kaj, jen, ni vidas, ke el 1.000 naskiĝintaj ortodoksuloj mortas en infaneca aĝo 300 homoj, ĉe hebreoj nur 140, ĉe mahomedanoj 175. En okazoj de memmortigo alkoholo havas gravan rolon. En Moskvo, dank'al alkoholo, ĉu rekte, ĉu nerekte, sin memmortigis 27 %, en Kievo 35 %, en Peterburgo 38 %.

S-ro Svjatlovski rimarkigis, ke ne nur la malklera popolo drinkas, sed ankaŭ la inteligentularo. La plej ĉefaj fundamentoj de la batalo kontraŭ alkoholo estas batalo pro ekonomia bonstato kaj liberoj de la regna vivo. Por forigi alkoholismon, estas bezone forigi senleĝecon kaj tiranecon. Sed la unua Kongreso havis tri skandalojn. Eliris el ĝi la reprezentantoj de financa Departemento, eliris pastraro (ĉar en rezolucio de delegitoj pri lerneja instruado antialkohola oni forigis la vortojn pri « religia-morala » fundamento) kaj eliris laboristoj. Sed malgraŭ tio la kongreso estis sukcesplena ; ĝi montris la literaturon antialkoholan, donis belegan ekspozicion de alkoholismo, montris la vojon por pluaj laboroj kaj donis firman fundamenton por serioza kontraŭalkohola fundamento.

Pastro J. Seriŝev,
*Subdel.*, Krasnij Jar, Siberio).

## Britaj interesaĵoj

Post la longedaŭraj strikoj — kiuj malhelpis tiom da samideanoj ĉeesti la Antverpenan Kongreson — oni povus kredi, ke fine solvo estus trovita por kontentigi samtempe la laboristojn kaj la fervojajn kompaniojn. Tio tamen ne okazis ; la fervojaj oficistoj ne ankoraŭ kontentiĝis pro la malgrandaj plibonigoj konsentitaj al ili kaj la Laborista Komitato de la kvar grandaj unuigitaj kompanioj faris programon de reformoj proponitaj aŭ proponotaj al siaj dungantoj. Ili postulas 1-e labortagon ok-aŭ dekhoran laŭ la grado de la laboristoj, ordinaran salajron plie kvarono por pluaj laborhoroj, kaj duoblan salajron por dimanĉa laboro; 2-e. Ĉiuj knaboj devos ricevi post unujara dungado libertempon dusemajnan kun plena pago. 3-e. Estos donata minimuma salajro da 13,50 Sm. ĝis 28 Sm. po semajno, laŭ la grado de la oficistoj kaj la speco de laboro. 4-e. Ĉiuj laboristoj de la Londonaj distriktoj ricevos pliajn 2,50 Sm. po semajno pro la kareco de la vivo en la ĉefurbo. Ili ankaŭ petas, ke estonte la salajroj estu plialtigataj laŭ tiu bazo, ĉiufoje kiam la kosto de la vivo pligrandiĝos.

La Londona kaj Nordorienta Kompanio decidis tuj konsenti pri la pligrandigo de la salajroj,mallongigo de la servadhoroj, kaj donas aliajn kontentigojn al granda nombro de la malaltrangaj laboristoj. Tiuj kostos al la kompanio pli ol 800.000 Sm. jare. La salajroj ne estos ĝuste tiel altaj kiel la oficistoj postulas, sed la plimulto el ili ricevos plie 0,50 ĝis 2 Sm. semajne. Ĉiuj laboristoj dungitaj de unu jaro aŭ pli havos tutan semajnon ĉiujare.

Malgraŭ tiuj plibonigoj la strikintoj ne estas kontentaj kaj minacas organizi strikon, eĉ la dum la Kristnaska semajno. En tiu okazo, Britujo estos en pli malbona situacio ol en Septembro, ĉar ĉiuj laboristoj de la kvar ĉefaj kompanioj ĉesigos la laboron.

* *

Londono ŝajnas tute alia urbo — urbo de malnovaj tempoj — sen siaj rapidegaj veturiloj. La unuan fojon dum mia ĉeesto en ĉi tiu urbego, mi povis transiri certajn stratojn kaj vojkruciĝojn sen danĝero de morto. La kajoj laŭlonge de la rivero Thames estas preskaŭ silentaj pro la manko de aŭtomobiloj ; la silenton nur de tempo al tempo interrompas la pasado de ĉevalveturilo. Estas veraj festaj tagoj por la veturigistoj, kiuj kutime trovas nur malmultajn klientojn. Ĉiuj malnovaj veturiloj — de longe forprenitaj de la stratoj — reaperas kaj kun ili la malnovaj veturigistoj kun longa vipo. Multaj el ili la « Civiton » de Londono ne plu vidis de kelkaj jaroj, ĉar de la alveno de la aŭtomobiloj ili nur kondukas ŝarĝveturilojn en la ĉirkaŭaĵoj de la urbo.

Precipe ĉe la diversaj stacidomoj oni povis konstati la mankon de la nuntempaj rapidigiloj kaj la miron de la vojaĝantoj kiuj estis devigataj uzi ilojn de « antaŭ la superakvego ». La veturigistoj tute sendependaj pro la speciala situacio, ne akceptis konduki la pasaĝerojn tro malproksimen, aŭ fari siajn kondiĉojn. Multaj respondis al demando pri irado : « Ne, dankon. Mi preferas mallongajn kuradojn. Ili estas pli profitdonaj. Voku taksimetron ! » Ankaŭ en Orienta Londono — kvartalo de la riĉuloj, de la kluboj kaj de la teatroj — la neiro de aŭtomobiloj sin multe sentigis. Belaj sinjorinoj estis ege malkontentaj, ĉar ili devis marŝi kelkcentojn da metroj aŭ veturi per demokrata aŭtobuso. Ironia estis la vidaĵo de ĉevalveturiloj haltigitaj antaŭ la Aŭtomobila Klubo kaj ŝarĝita per pakaĵoj de membro de la klubo !

Malgraŭ la striko kelkaj taksimetroj estis haveblaj. Ili apartenis al malgrandaj posedantoj aŭ al kompanio, kiu konsentis trakti kun la kondukistoj. Ĉiu aŭtomobilo videble havis blankan papereton subskribitan de ano de la Komitato de la strikistoj, kiu pruvis la laborpermeson. La publiko ilin rigardis kiel mirindaĵn eksterordinaraĵojn. La foresto de pli ol 7 000 aŭtomobiloj el la Londonaj stratoj estis kaŭzita de tre malgrava okazintaĵo, kaj eble havos gravan rezulton por la strikistoj. Inspektoro de iu kompanio, ĵus dungita por observi la kondukistojn, raportis, ke unu el ili nomita Bryant devus esti paginta al la kompanio 0,12 Sm. por transporto de pakaĵo. Bryant neis la ŝuldon kaj rifuzis pagi. Li subtenis samtempe, ke li ne estis en alia parto de la urbo anstataŭ en tiu enskribita en la spiona raporto. Pro lia rifuzo pagi, li estis informita, ke li ne povas konduki aŭtomobilon de la kompanio ĝis la postulitaj 0,12 Sm. estos donitaj. Kiel protesto kontraŭ la aĝo de la estroj kaj inspektoroj, ĉiuj anoj de la aŭtomobila sindikato decidis striki ĝis kiam Bryant ricevos

la permeson daŭrigi sian laboron. Ĉe ĝenerala kunveno 5.000 strikistoj decidis rekomenci sian metion nur kiam la kompanioj estos unue promesintaj ne forpeli la strikintojn kaj redungi la forjetitajn kamaradojn due ne plu uzi « spionojn » por observi la kondukistojn.

* * *

La Liverpoola Komitato por la regulado de la komerco de trinkajoj konstatinte, ke la nombro de ebriuloj estis multe pli malgranda dum la strikoj ol kutime, decidis daŭrigi la uzadon de la reguloj faritaj dum tiu tempo, rilate al la malfermado kaj fermado de la trinkejoj.

Jen do la reguloj proponitaj kaj akceptitaj por la estonto :

1-e. La trinkejoj malfermiĝos je 8 h. 30 matene anstataŭ je 6 h.

2-e. Nek virino, nek persono malpli ol 16 jaro, povos ricevis trinkaĵon antaŭ la 12 h.

3-e. La trinkejoj estos fermataj ĉiutage je 10 h. anstataŭ 11 h.

4-e. La urbaj aŭtoritatoj, por la regulado de tiu komerco, ricevos povon ebligi fermadon pli fruan aŭ pli malfruan, se necese.

6-e. La kluboj devos submetiĝi al la sama regularo, sed la komitato povon doni specialajn permesojn,

Tiu nova regularo estis akceptata diversmaniere de la publiko, sed la plimulto konsideras ĝin tre bona. La konsilantaroj de la aliaj britaj urboj tre interesiĝis pri tiu reformo, kaj eble baldaŭ multaj el ili faros similajn ŝanĝojn. Ĉar ĝi signifos en multaj okazoj malpli da elspezoj ĉe la trinkejo kaj pli da komforto en la hejmo.

P. Blaise (*Del.* Londono).

## « La Ponto »

La vorto « ponto » laŭsence signifas ilon, kiu interligas du partojn disigatajn.

« La *Ponto*(1), kies nomo estas la titolo de jus aperinta verko de niaj samideanoj Bührer kaj Saager el Munĥeno, celas interligi la intelektan laboron de la homoj. Pro tio ĝi havas la subtitolon : organizado de la intelekta laboro. Ĝis nun regis kaj regas vera anarkio en la intelekta laborkampo. Anarkio en tiu senco, ke la emo al nepra individueco superas la emon al socieco. Sendube la rajtoj de l'individuo devas esti rigardataj kiel unu el la plej grandaj progresoj de la lasta jarcento. Societo eĉ pli bone kreskas, se ekzistas sufiĉa persona libereco ; sed kiel en ĉiuj vivokampoj, troa libereco malutilas al la societo, kaj ne nur al ĝi, sed ĉefe al ĝiaj partoj, la membroj de la societo. Estas malfacile trovi la ĝustan mezan vojon, kiun devas iri societo por garantii al siaj membroj sufiĉan liberecon kaj samtempe en la intereso de ĉiuj sufiĉan disciplinon.

La *Ponto* rigardas ĉi tiun problemon unue de filozofia vidpunkto, kiu poste per si mem kondukas al praktika aplikado de la ideoj. La organizantoj de la *Ponto* saĝe evitis la eraron organizi « ĉion ». Ili limigas sian laboron al la plej urĝaj bezonoj. Kun speciala ĝojo, ni Esperantistoj konstatas, ke inter la « rimedoj por la organizado de la intelekta laboro » troviĝas la helpa lingvo, ke ĝi eĉ estas rekonata kiel ĉefa bazo por la laboro plenumota.

Ĉiu laboro havas du flankojn, la intelektan parton kaj la pli malpli mekanikan. Ekzemple, la verkado de artikolo estas la intelekta parto, la skribado, presigo kaj dissendado la mekanika laboro.

La unua estas malfacile organizebla kaj postulas la antaŭan organizon de la dua. Ĉu la dua mekanika laboro estas finita ? Certe ne. Oni preskaŭ ne ankoraŭ komencis. Por konigi ideon sufiĉus se ekzistus nur unu lingvo, eĉ estus multe pli bone se ekzistus nur unu, ĉar la diverseco de la lingvoj malhelpas la disvastiĝon de la ideoj. Aŭ por difini iun ajn spacon estus same pli bone se oni havus nur unu mezurmanieron anstataŭ multaj. Por difini la prezon estus sendube granda helpo, se ekzistus nur unu monsistemo. La rusoj uzas alian kalendaron por difini la tempon ol la aliaj Eŭropanoj, kiuj siaflanke uzas ankaŭ reformindan kaj espereble baldaŭ reformotan kalendaron. Ĉi tiu diverseco estas fonto de nedubeblaj maloportunaĵoj. Ĉion ĉi tion celas forigi la *Ponto* per « organizado de la interkompreniloj ». Tre grava alia mekanika organizo estas la enkonduko de la « mondformato » (1). La mondformato estas ne nur unu formato, sed formatoj, kiuj staras en matematikaj rilatoj unu kun la alia (uzado de la « ora sekco »). La ciferoj estas laŭbezone duoblaj, kvaroblaj aŭ partoj de la poŝformato, kiu havas longecon de 16,-cm kaj larĝecon da 11,3-cm. Kiu kolektas librojn, prospektojn, katalogojn ĝenerale presaĵojn, tiu spertas ĉiam la maloportunecon de la nunaj diversaj formatoj. La ĉefa manko estas, ke oni ne povas ordigi la librojn laŭ ilia enhavo, sed laŭ ilia ekstera formo, kiu estas pure hazarda. U. E. A. jam eldonas ĉion en unu formato kaj niaj samideanoj certe spertis, ke tio, ekzemple niaj gvidfolioj, estas nedubebla profito.

Ne malpli grava estas la principo de la « monografiigo » de la presaĵoj. Ĝi estas pli nova kaj ankoraŭ tre malmulte konata. Ĝi celas apartigi la diverstemajn partojn de iu libro, tiel, ke parto, kiu en si mem estas memstara, estas elprenebla el la libro kaj ree enmetebla, plie estus sole aĉetebla. Se, ekzemple, mi havas grandan medicinan verkon, kiu pritraktas ĉiujn malsanojn, sed en kiu mi deziras legi nur aŭ posedi la parton, en kiu estas pritraktataj la kormalsanoj, mi laŭ la nun uzata sistemo estas devigata aĉeti, la tutan libron. Se mi volas legi en ĝi mi ankaŭ bezonas la tutan libron. Laŭ la monografia sistemo oni disigas la partojn en kajeroj : kaj poste kolekto da kajeroj formas la libron, sed ĉiu kajero estas aparte havebla. Tiamaniere mi povas el multaj libroj ricevi tion, kiu speciale min interesas ne estante devigata posedi la tutan libron, kio en siaj aliaj partoj ne havas intereson por mi. Multaj personoj, pro la manko de ĉi tiu sistemo distranĉas la librojn. Sciencistoj estas devigataj pasigi multe da tempo en bibliotekoj par elkopii el la diversaj libroj la specialaĵojn por sia fako.

La *Ponto* akceptas ankaŭ la numeradsistemon elpensitan de la amerikano « Dewey », kaj nun uzatan ĉe la Brusela bibliografia instituto.

La enkonduko de ĉi tiuj gravaj progresoj de la labormetodo estas la ĉefa tasko de la organizajo nun en fondiĝo nomata la *Ponto*. Ni Esperantistoj laŭ niaj fortoj povas doni nian apogon al tiu entrepreno ĉar ĉiuj similaj progresoj celas la « plifaciligon de la rilatoj inter la homoj », kiu ja estas la ĉefa laboro de nia U. E. A.

Fr. Fl.

(1) *La Ponto. Organizado de la intelekta laboro :* De K. W. Bührer kaj Ed. Saager. Trad. J. Schmid. Eldonejo Seybold, Ansbach.

(1) Anstataŭ Monoformato, oni de nun uzos la esprimon Mondformato. El Esperanta vidpunkto, tiu nova esprimo estas certe pli taŭga, ĉar ĝi malaperigas la antaŭan konfuzon kun nia Esperanta radiko *mon* !

## Voĉdonrajto kaj Virino

Jen interesa eltiraĵo de parolado farita de S-ino Annie Besant, la fama prezidantino de la Teozofia societo, al la anglaj voĉdonemulinoj ĉe Albert-Hall, en Londono (2) :

« Sinjorinoj ! Tio kio kunvenigis nin ĉi-tien estas ne nur feminisma, sed ankaŭ homara demando ; ĝi estas, tutegale, tiel grava por la viraro kiel por la virinaro...

(2) El la gazeto *Le Teosophe.* — Tiu artikolo kaj la sekvanta, destinitaj al la ĉikuna *Virina Bulteno,* ne povis aperi en ĝi pro manko da loko.

Efektive, viroj kaj virinoj ne povas dividiĝi en du nemikseblaj partoj. Ambaŭ seksoj formas unuनuran homaron; ĉiu el ili estas parto de la tutaĵo kaj tiu tuto malfortiĝas kiam grava demando apartigas unu for de l'alia kiel du kontraŭbatalantajn partiojn...

Estas vere (kaj tion neniam ni devas forgesi) ke troviĝas multaj viroj, kiuj penadas por helpi la virinojn kaj ke estas la seniniciateco, seninteresiĝo kaj alkutimiĝo de tiuj-ĉi, kiuj malfaciligas ilian ekkapton de la postulita situacio, en la nacia vivado...

Sur ĉiuj laborkampoj, viroj kaj virinoj devas kunlabori, kaj precipe rilate al la voĉdonado, estas vere, ke du kapoj plivaloras ol unu. Mentale, la virino diferenciĝas de la viro, kaj tiu diferenco estas alte ŝatinda; ĉar se ŝi volus imiti simie la viron, esti nur duobla samaĵo, ŝia voĉdonado pruviĝus malmulte signifa. Male, se ŝi alportos sian virinan koron, sian virinan cerbon al la komuna agado, se ŝi ne forgesos, ke nacio estas vera familio, kiu bezonas la samtempan helpadon de la patrino kaj de la patro, tiam ŝi ne nur duobligos la kvanton de la voĉdonoj, sed ankaŭ alportos novajn elementojn en la leĝofarado, novan pensmanieron novan aplikadon de la leĝoj kaj de l'administrado...

Necesas ke la voĉoj de la viro kaj de la virino kuniĝu por elmeti unuनuran perfektharmonian akordon. Tiam, montriĝos la revindaj virinoj, fortaj, kuraĝaj, kvietanimaj, pretaj al ĉiaj helpoj, perdantaj nenian el siaj ŝatindaj bonecoj; ilia patrina koro ĉiam fortigos la senfortulon, relevos kaj subtenos la falinton. Iru, iru antaŭen, virinoj, al tiu rajto de la voĉdonado, kiu estas nek vira, nek virina, sed homa; direktu saĝe vian vivagadon por ke ĝi konduku vin al utila, paca, merita triumfo ».

Annie Besant,
*Prezidantino de Teozofia Societo.*

Trad. Henriette Diou-Trouillon (Parizo), Membrino de la Virina Komisiono.

---

## Internacia feminista Kongreso en Stockholm (1)

Dum junio 1911, en urbo, kiun oni vere povas nomi mirindaĵo, rimarkinde eleganta, kie grandegaj monumentoj staras ĉe la belega kadro de l'skandinava naturo heligita de tiu dolĉa opalkolora lumo speciala je l'proksimeco de poluso, la gekongresanoj de Unuiĝo por Voĉdonrajto de la virinoj pasigis dekon da tagoj sennoktaj.

Vere, oni laboris kaj admiris tage kiel nokte, efektivo kaj revo absolute miksiĝis, tiel per la beleco de l'vidaĵoj, kiel per la entuziasmo de mil du cent virinoj alkurintaj el ĉiuj direktoj, kunlaborantaj por la efektivigo de sia komuna idealo Justeco.

La dimanĉon, 11-an de junio, okazis la malfermo... spirita de l'kongreso. La reverendino *Anna Schaw* (U. S. A.) predikis kaj alvoke preĝis laŭcirkonstance. Antaŭ kelkmila aro da homoj enpensigitaj kaj scivolemaj, kiuj ne ĝenante unu la alian, ĉar la sveda popolo estas tute afabla, amasiĝis malfacile en la belega ĉefpreĝejo Gustaf Vasa, la reverendino ĉe florornamita katedro parolis angle, pli ol unu horon kaj duono, kun tiu elokventeco farita el mikso de saĝo kaj idealo, kiu karakterizas multajn anglo-amerikajn paroladistinojn. La grandaj orgenoj kaj la ĥoroj de junulinoj de Konservatorio, kiujn f-ino Efrida Andrée, sveda komponistino, direktis majstre, fine donis al tiu unua soleno ŝajnon de feminista triumfo.

La lundon 12, je 10 h. matene, en la orbrila salono de la kongreso, ornamita per la svedaj koloroj (atlaso flava kaj blua), la Estrinaro, prezidita de la tre eleganta S-ino Chapman Catt, sidiĝis sur la scenejo, vera florbedo, kaj malfermis oficiale la kongreson, per nomado de l'delegitinoj sidantaj en premitaj vicoj ĉe la grandega salono.

Staris nur la junaj svedaj studentinoj portantaj kaskojn kaj diagonale la nacian skarpon el atlaso; ili servis kiel paĝioj, kaj tiuj graciaj junulinoj portis la komunikaĵojn de la delegitinoj al la Estrinaro kaj reciproke : tio estis la sole necesa policforto por konservi la plej plenan ordon dum dudeko da kunsidoj kaj tiom da festoj kaj publikaj kunvenoj

Ĉiu nacio formis grupon kun sia standardo. La kunsidoj sin sekvis ĉiutage de 10 h. ĝis 1 h. tage, kaj de 7 h. ĝis 12 h. nokte; ĉar, ĉe la festenoj kaj luksegaj vespermanĝoj kiujn ni ĉeestis, en la ĉirkaŭaĵo de Stockholm ĝis en Upsaal, la geparoladintoj senĉese aŭdigis belajn kaj bonajn vortojn.

La entuziasmo de l'gekongresanoj egalis nur tiun de la ĉeestantaro, ĉar la publiko kuniĝis kun ni, nome ĉe la kunveno en liberaero, kie la virinoj kuraĝis komuniki senpere al la publiko siajn ideojn.

La elokventeco, kiun ili senŝpare uzas, impresas daŭre tiujn aŭskultantarojn de viroj kaj virinoj ne instruitaj pri niaj postuloj ; kaj ni sciis, antaŭ ol forlasi la ĉefurbon de Svedujo, ke ĉi tie, kiel ie ajn, ĉiuj tiuj internaciaj manifestoj de la nova feminista idealo multe helpis niajn klopodojn.

La paroladoj plej ŝatitaj de l'partiestroj, por kiuj oni elkriis viglajn kaj entuziasmajn huraojn estis tiuj, kiuj asertis, ke la nova fundamento por societoj devas esti netuŝebla justeco, starigita de la tuta respekto al la homa personeco kaj al la plena egaleco de ambaŭ seksoj antaŭ la leĝo.

La jena deziresprimo al la Parlamentoj estas subskribita de la plej gravaj famuloj de l'internacia partio feminista :

Konsiderante, ke la tuta leĝrajto de la homa personeco estas akceptita de ĉiuj civilizitaj popoloj de la XXa jarcento, la subskribintinoj petas la leĝfarantojn enkonduki en la leĝaron de sia lando la principon de l'egaleco de ambaŭ seksoj antaŭ la leĝo, implikanta por la virino, ne nur la devon obei la leĝon, sed ankaŭ kiel por la viro, la *rajton* civilan kaj politikan, kun la balotilo, logikaj konsekvencoj de la *devo* al obeo de l'konstituciaj leĝoj ; do, la subskribintaj delegitinoj petas, ke ĉiuj civitanoj kaj civitaninoj estu proklamitaj egalaj antaŭ la leĝo. Per tiu rimedo estos respektata la tuta rajto de l'virino, homa kaj socia personeco samvalora kiel la personeco de l'viro. Nur per tiu rimedo ambaŭ duonoj de la nacio estos egale liberigitaj de ĉia ajn resto de sklaveco.

Tiu deziresprimo estas prezentota al Parlamentanoj de ĉiuj landoj por pli bone utili al nia afero, resumata per tiuj vortoj : *Egaleco de ambaŭ seksoj antaŭ la leĝo.*

Alia punkto estas akceptita, kiu pruvas la internacian feministan interkonsenton : estas voĉdonite kun grava plimulto, ke la feminista partio devas zorge eviti, ke ĝin influu ia ajn politika partio aŭ ia ajn ŝtata regulo. Tio devos daŭri ĝis kiam politikaj partioj kaj registaroj estos enskribintaj en la leĝaro la egalecon de l'seksoj, principon de socia justeco, kiu superas ĉiujn aliajn kaj nepre postulas la balotilon.

Fine oni voĉdonis, ke la 7-a kongreso de Unuiĝo por Voĉdonrajto okazos dum junio 1913 en Budapeŝto ; oni aklamis pluan fojon la afablan kaj senpartian Prezidantinon, la nelacigeblan tutan estraron, kaj la ĉeestantajn famulinojn, nome la dolĉan poetinon Selma Lagerloff, la reverendinon Anna Schaw, la finlandajn deputatinojn, k. t. p.

L. de F.

---

(1) « La Ligue », belga organo de la Leĝrajto de la virinoj rue d'Arlon, 49, Brussel ; « *Jus suffragii* » organo de Internacia Unuiĝo Voĉdon-rajto de la virinoj Kruiskade, 92, Rotterdam ; « *La Française* », 64, rue Richelieu, Paris ; k. t. p.

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Ostlorn. Vilaĝaj Skizoj** de *S. Ulfers*, el holanda lingvo tradukis M. J. Wessel. — D. Van Sijn kaj Zoon. — Rotterdam (Nederland.) Prezo : broŝ. 1,65 Sm. bind. 2.05 Sm.

Tiu 300 paĝa verko estas unu el la plej gravaj en nia traduka literaturo, ne nur pro la dikeco de l'libro, sed ankaŭ pro la granda kaj speciala intereso de l'originalo. Pri la stilo de la traduko, kvankam ĝi estas ĝenerale bona, eĉ ofte bonega, mi devos fari kelke da kritikoj.

Ostlorn estas Nederlanda vilaĝo, kuŝanta malproksime de aliaj vilaĝoj kaj de urboj. Ĝia loĝantaro vivas preskaŭ apartigita de la cetera lando. Tamen en la mallarĝaj limoj de tiu mikrokosmo (mondeto) ŝajne baraktas la tuta homaro kun siaj grandajoj kaj mizeroj, ĝojoj kaj malesperoj, amoj kaj malamoj, praktikaj homoj kaj revuloj, pekuloj kaj herooj. La simplan kaj belan ekzistadon de terkulturistoj, la vivon de pastroj altanimaj, bonfaremaj kaj toleremaj la verkisto celis (kaj sukcesis) priskribi ; kaj el tiuj dek rakontoj tre diversaj laŭ la faktoj kaj temoj, sed kunigitaj per la samaj malmultaj drampersonoj, kunligitaj per la fadeno de samaj ĝeneralaj ideoj, rezultas por la leganto forta kaj unueca impreso.

Kelkaj el tiuj rakontoj atingas superan belecon. Mi plej admiris : Vigen la Revulo — la Pastredzino — Ake — Ilting la sonorigisto — Dubo... Sed en ĉiuj rakontoj elspiras profunda kompreno de la kampara naturo kaj sento de larĝa toleremo, kiu asocias, en altegaj regionoj de la pensado, malgraŭ la diverseco de religiaj sektoj, la mensojn de homoj bonkoraj kaj justemaj.

El la tuj citotaj linioj la leganto juĝos mem pri la ofta bonegeco de la stilo. (Vigen la Revulo restas sola dum la nokto ĉe la lito de sia jusmortinta patrino) p. 32.

Estis postnoktmezo, kaj la junulo ankoraŭ sidis sur la seĝo, kiun li estis alŝovinta apud la lito de sia patrino. Malgranda lampo, kiel uzas la vilaĝanoj, brulis sur la tablo, kaj jetis sian lumon ĝuste sur la vizaĝon de la malvivulino ; ĉar Vigen estis fortirinta la littukon, kaj senĉese volis vidi tiun vizaĝon. Tio estis al li agrabla.

Ŝajnis al li kvazaŭ ŝi dormus, la malsanulino, kaj kvazaŭ ŝi baldaŭ ekvekiĝus, por ree interparoli kun li. Jes li volonte vidis tiun vizaĝon, kiu tie kuŝis, tiel kvieta, hela kaj afabla. Ĉu tie ankoraŭ estas sulketoj sur la frunto ? Ne, ili foriĝis ; de tiu frunto blanka lumo radiis. Kaj la buŝo, ĉu ĝi estas ankoraŭ kuntirata kiel antaŭe, simile al la buŝoj de homoj, kiuj multe devas labori ? Ne, tiuj lipoj estas malstreĉitaj, kiel de homoj ne havantaj zorgon pri la ĉiutaga pano aŭ pri io alia.

Kaj tiuj okuloj, kiel kviete ili estas fermitaj ; kiam ŝi tuj ekmalfermos ilin, tiam estos ekrigardo de homo, kiu ne plu havas avidon, ĉar la avidoj jam estas plenumitaj.

Kaj tiuj okuloj alrigardus lin, kvazaŭ dirante : « Vigen, knabo mia, mi nun estas en la lando, kie neniu plu estas malriĉa, kaj kie neniu plu havas doloron ; tien vi ankaŭ devas veni ! »

Oni vidas kiel riĉa kaj fleksebla povas esti tiu stilo. Bedaŭrinde oni renkontas tro multajn malkorektaĵojn. Nur en la unua rakonto (p. 1-41) mi notas : oftan neĝustan uzon de la tempoj — Sipo nenion faris *oll* (krom) rigardi — vi *jes* malproksime vidas — ŝiaj okuloj *jes* parolis — *fundo* kun signifo de *bieno* aŭ *tero* (li kraĉis sur la *fundon*) — tiel longe li deziras — eĉ sen li mem konscias (adverboj uzataj konjunkcie) — ĝust (sed ĝust tiu penso...), k. t. p.

Kial la tradukantoj kaj originalaj verkistoj ne pli zorge relegas kaj korektigas siajn verkojn ? El tiu zorgemeco rezultus profito por la aŭtoroj, senmiksa plezuro por la legantoj kaj pli agrabla tasko por la recenzistoj.

* * *

*C. F. Ramuz.* — **Aline**, svisa rakonto, trad. René de Saussure. Genève, Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse. Prezo : 1 Sm.

En preskaŭ klasika stilo, sen tro da sciencemaj fantaziaĵoj (kaj tiun sindetenon oni ne povas tro laŭdi), S-ro R. de Saussure tradukis simplan kaj kortuŝan rakonton de Svisa aŭtoro. La temo estas tute ordinara, eltirita el la ĉiutaga vivo kaj emociige rakontas la tro oftan malfeliĉon de vilaĝa malriĉa senkaraktera knabino (Aline), kiun forlogas, gravedigas kaj fine forlasas en honto, malsano kaj morto senkora kamparbelulo Julien. Kompreneble tiu malŝatinda specimeno de virseksa egoismo, edziĝinte kun riĉa heredantino, ĝuas la estimon kaj eĉ admiron de preskaŭ ĉiuj samlandanoj.

Jen beleta priskribo de noktiĝo en vilaĝo ( p. 44.45) :

Ju pli malaltiĝis (la) suno, des pli longiĝis la ombroj de l'arboj ; baldaŭ ili paliĝis kaj intermiksiĝis en la krepusko suprenvenanta *de el (*el la) fundo de l'valetoj. Viroj kaj virinoj, rastilon surŝultre, elvenis laŭlonge de la rozkolora strato, kaj malaperintaj post arboj ili reaperis pli fore kontraŭ (?) la orsimila ĉielo. Oni aŭdis harmonikon ludantan. Kaj la nokto kvieta ekkatis ĉiujn bruojn pasante kaj forprenis ilin... Endormiĝis la vilaĝo, kiel ĉiuvespere ; estis la momento, kiam la steloj eklumas ; brilas ili en la ĉielo, kaj lumoj sur la tero ; poste la lumoj estingiĝas kaj ripozo sterniĝas sur la homoj. La grandaj litoj havas malvarmajn tukojn. La mastro kuŝiĝas apud sia edzino, kaj la laboristoj sur la fojno, kaj poste la spacego restas sola kun la steloj.

* * *

*D-ro Stanislav Schulhof.* **Kion la vivo alportis.** (dek originalaj poemoj) kun antaŭparolo de Marie Hankel. Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo). Prezo : 0,25 Sm,

En la antaŭparolo de tiu verketo, S-ino Marie Hankel tre prave diras : « Sen beleco lingvo ne povas vivi, sen floro ne fariĝas frukto. La homo ne nur bezonas prozon, li ankaŭ bezonas poezion. Poezio estas la forta flugilo, kiu alkondukos nian Esperanton al la venko. »

Pro tio ni Esperantistoj devas esti dankemaj al la veraj poetoj, kiuj, kiel S-ro Schulhof, esprimas per Esperanto siajn emociojn, esperojn. eĉ « desperojn ».

Sed ni tuj forstreku tiun lastan vortaĉon ; ĉar, D-ro Schulhof promesis, ne nur ke li kuracos sian malesperemon, sed ankaŭ ke li ne plu uzos la barbarismon, kiu paradis sur la titolpaĝo de lia antaŭa verko :

Mi promesas ankaŭ sen fanfaro,
Ke en tuta mia posta vivo
Mi la vorton « Desper » ne eldiros
Kaj neniam ankaŭ mi deziros,
Ke la vort' paradu en vortaro.

*Georg Belly.* — **Sinjoro Herkules**, unuakta burleskaĵo, trad. H. Arntz kaj M. Butin. Berlin, Mœller kaj Borel. Prezo : 0.10 Sm.

Amuza komedieto. bone verkita kaj tradukita, facile ludebla (7 personoj) en esperantistaj festkunvenoj.

**La plej bonaj spritaĵoj** el « Munĥenaj flugantaj folioj ». Ricevebla per la *Esp. propag. Instituto*, Leipzig 157 ; 64 pĝ. Sm. 0,60.

Tiu bonhumora libro enhavas zorgeme kolektitan aron da spritaĵoj el la unuaj 70 jarkolektoj de la gazeto « Münchner Fliegende Blætter ». La libro estas bonstila kaj belpresita kaj ĝi helpos gajigi la esperantistaron. Jen du spritaĵoj eble ne el la plej amuzaj, sed el la plej mallongaj :

Je l'naskiĝa festo. « Jen sinjoro la barono sendas al vi kiel signon de sia *granda* amo *malgrandan* donacon » — « Ho! la malon mi pli ŝatus ! »

Programstilo : Per la eniro de Sinjoro la urbestro la bestekspozicio estas malfermita.

∴

Aliaj ricevitaj verkoj :

*S-roj Brogajota* **Federacio interregna**. Paris, l'Universala, 20, rue du Cloitre-Saint-Merri, 20. Prezo : 0, 10 Sm.

*Paul Linarès*. **Internacionalismo y Esperanto**. Conferencia. — Cordoba, imp. Moderna, Maria Cristina. Prezo : Pesetas 0,50

*Vasaro*. — **La fela standardo** (Persa legendo). — Tiflis, Presejo Esperanto. Prezo : 3 sd.

*P. Christaller* — ? **Esperanto simpligita ?** — Represajo el « Eho Esperantista ». Prezo (ne montrita).

**Disrompu ni la intermurojn** (Respondo de Teosofianino, Kontraŭparolado de holanda pastro protestanta). — Amersfoort (Nederlando) P. Dz. Veen. — Prezo : 0,20 Sm.

*L. Tieck*. — **La blonda Ekberto**, trad D-ro *W. Fischer*. — H. Wuttke, Magdeburg, Pioniestr. 21. Prezo 0,20 Sm.

VERTO.

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

Vespere mi revenas al la manĝejo ; estis ankoraŭ malmultaj en la gastĉambro, ili ludas jetostojn sur tablangulo, refaldis la tablotukon. Tiam envenas la honesta A..., demetas sian ĉapelon min rigardante, aliras al mi kaj diras mallaŭte : « Vi havis malagrablajon ? » « Mi ? diris mi ». La grafo forpelis vin el la societo ? — « Prenu ĝin la diablo ! » mi diris, « mi ĝojis, ke mi venis en la liberan aeron ». « Bone », li diris « ke vi prenas ĝin sur la malpezan ŝultron ! Nur tio afliktas min ; ĝi jam estas ĉie konata » — Tiam la afero kolerigis min. Ĉiuj, kiuj venis al la tablo kaj rigardis min, mi pensis, tial rigardis min. Tio faris malbonan sangon !

Kaj ĉar hodiaŭ oni eĉ bedaŭras min ĉie, kien ajn mi iras, ĉar mi aŭdas, ke miaj enviantoj nun triumfas kaj diras : jen oni vidas, kion atingas la arogantuloj, kiuj estas malhumilaj pri sia eta prudento kaj kredas, ke ili povas moki pri ĉiuj situacioj, kaj kio estas la cetera hunda babilaĵo — jen kial oni dezirus bori tranĉilon en sian koron ; ĉar oni parolu pri memkonfida, kion oni deziras, tiun mi volus vidi, kiu povas toleri, ke friponoj parolas pri li, kiam ili havas avantaĝon je li ; se ilia babilaĵo estas vanta, ho, oni facile povas lasi ilin.

La 16-an de marto.

Ĉio instigas min. Hodiaŭ mi renkontas fraŭlinon B... en la aleo, mi ne povis reteni min ekparoli kun ŝi kaj montri al ŝi, tuj kiam ni estis iom malproksimaj de la societo, mian ofendsentemon pri sia freŝdata konduto « Ho Werther » ŝi diris je korega tono « ĉu vi tiele povis interpreti mian konfuzecon, konante mian koron ? Kion mi suferis pro vi de la momento, kiam mi eniris la salonon ! Mi antaŭvidis ĉion, centfoje ĝi sidis sur mia lango diri ĝin al vi. Mi sciis, ke tiuj de S... kaj de T... foriros pli volonte ol resti kun vi ; mi sciis, ke la grafo ne povus perdi vian favoron — kaj nun la bruo ! » — « Kiel fraŭlino ? mi diris kaj kaŝis mian teruron, ĉar ĉio, kion *Adelin* antaŭhieraŭ diris al mi, tiu ĉi momente traruliĝis miajn vejnojn kiel bolanta akvo. — « Kion ĝi jam kostis al mi ! » diris la ĉarma kreaĵo kaj la larmoj staris en ŝiaj okuloj. — Mi ne estris min plu, estis jetonta min je ŝiaj piedoj. « Klarigu vin » mi kriis. La larmoj ruliĝis malsupren de ŝiaj vangoj. Mi estis konsternita. Ŝi sekigis ilin ne intencante ilin kaŝi. Mian onklinon vi konas, « ŝi komencis » ŝi ĉeestis kaj rigardis ĝin, ho, per kiaj okuloj ! Werther, mi toleris en la hieraŭa nokto, tiun ĉi matenon predikon pri miaj rilatoj al vi, kaj mi devis aŭskulti vin malalaltigi kaj degradi, kaj povis kaj estis permesata nur duone vin defendi ».

Ĉiu parolo, kiun ŝi diris, traboris mian koron kiel glavo. Ŝi ne sentis, kia kompatemo estus ĉion ĉi malmontri al mi ; kaj nun ŝi ankoraŭ aldonis, kio estus plue diraĉata, kiel ia speco de homoj ĝojus pri ĝi. Kiel nun oni ĝojus kaj triklus sin pri la puno de miaj malhumileco kaj malŝatemo de aliaj, kion ili jam delonge riproĉas al mi. Ĉi ĉion, Vilhelmo, aŭdi de ŝi kun la voĉo de la plej vera intereso — mi estis detruita kaj ankoraŭ estas furioza en mi. Mi dezirus, ke iu maltimu riproĉi ĝin al mi, por ke mi povu trapiki lian korpon per la spado ; se mi vidus sangon, mi fariĝus pli kontenta. Ha, mi ekprenis centfoje tranĉilon, por liberigi mian prematan koron. Estas dirate pri ia nobla speco de ĉevaloj, kiuj, estante terure varmigitaj kaj incititaj, instinkte morddifektas arterion por havigi al si spiron. Tia mi ofte troviĝas, mi dezirus malfermi al mi arterion, kiu havigus al mi eternan liberecon.

La 24-an de marto.

Mi postulis mian eksigon de la kortego, kaj, mi esperas, ricevos ĝin, kaj vi pardonos al mi, ke mi ne antaŭe petis vian permeson. Mi ja nun devas foriri, kaj kion vi povus diri al mi por konsentigi min pri la restado, tion mi scias ĉion, kaj do — sciigu ĝin al mia patrino en ia suketo ; mi mem ne scias kion fari kaj ŝi konsentu, kvankam mi ne povas helpi al ŝi. Certe ĝi afliktos ŝin. Fidi la belan karieron, kiun ŝia filo jus komencis al sekreta konsilanto kaj ambasadoro haltantan kaj returnen la besteton al la stalo ! Faru nun el ĝi, kon vi volas, kaj devus resti ; sufiĉe, mi iras ; kaj por ke vi sciu, kien mi venos, tie ĉi estas la princo***, al kiu multe plaĉas la interrilatoj kun mi ; tiu, aŭdinte pri mia intenco, petis min iri kun li al la bieno, kaj pasigi tie la belan printempon. Mi estos lasata tute sola, li promesis al mi, kaj ĉar ni bone interkompreniĝas escepte je ia prunkto, mi do volas riski ĝin sencele kaj iri kun li.

# Al niaj Abonantoj

**Pro la Kristnaskaj kaj Nov-Jaraj festoj, ESPERANTO ne aperos la 5 an de Januaro. Kompense, tiu ĉi N° aperas duoble. La venonta N° eliros do la 20-an de Januaro.**

**La pli granda parto de niaj abonoj finiĝas en januaro kaj februaro. Ni do petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (luksa eldono : 2,50 Sm.)**

# ESPERANTISMO

## AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestaĵoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la 12ª kaj 27ª de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj**. — En *Fürth* (German.), prezidas S-ro Leu. G. E.

En *Peterburgo*, grupo ĉe la ekonomia societo « Laboro kaj kulturo ». — R. R.

En *Saint-André-de-Cubzac* (Franc.), Esp. grupo de la Normala lernejo por instruistoj de Gironde. — A. M.

En *Dorpat* (Rus.), leĝa permeso estas atendata. — J. M.

En *Spa* (Belg.), laŭ iniciato de S-ino Biske.

En insulo *Madeira* (Portugal.), Centro esperantista studenta, prez. C. Fernandes.

En *Szerencs* (Hungar.), 5 dec., grupestrino, S-ino Vahl, estro D-ro Kovacs.

**Novaj Kursoj.** — En *Bonn* (German.), de S-ro W. Daum. G. E.

En *Delmenhorst* (Germ.), de S-ro Schmiedel. — G. E.

En *Elberfeld* (German.), du kursoj komencigis; nova en Essen.

En *Tarragona* (Hispan.), du kursoj.

En *Peterburgo*, ĉe la ekonomia societo « Laboro kaj kulturo ». — R. R.

En *Krajsnojarsk* (Siberio), ĉe la gimnastika societo. — A. G.

En *Leono* (Hispan.), de S-ro E. Amor, ĉe la libera komerca lernejo. — E. A.

En *Toulon* (Franc.), du ordinaraj kursoj. — A. F.

En *Dorpat* (Rus.), de S-ro Rosenberg, Del. en Revel, kun 50 personoj. — J. M.

En *Berlin-Schœneberg*, estas enkondukita Esp. instruado ĉe la popola lernejo.

En *München* kaj *Augsburg*, paroladoj de S-ro Parrish.

En *Grenoble* (Franc.), kun la permeso de la unuagrada inspektoro S-ro Lajonchère, malfermiĝis kursoj en la komunumaj lernejoj. En 4 lernejoj S-roj Bonnet, Roy, Vittally instruas 157 knabojn, en 6 lernejoj S-ro Roy, S-inoj Blanc, Chavasse, Organde-Pilloix, 149 knabinojn; 4 aliaj kursoj, farataj de S-ro Bonnet, Roy kaj Bruyat, kunigas 69 lernantojn. — A. P.

En *Pennsylvania* (Usono), P-ro Christen faris paroladan kurson ĉe la monaĥinejo Meray; 80 lernantinoj. En la universitato (Philadelphia) kurso de 100 lernantoj; en la seminario St-Chas-Boromio, 200 lernantoj, en Swathmore kolegio 20 lernantoj.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Weimar*, 9 dec., festo pro la 3-a datreveno de la fondo de l'grupo. — G. E.

En *Lons-le-Saunier* (Franc.), koncerto kun parolado de S-ro Bord. — S. C.

En *Firminy* (Franc.), 19 nov. festo kun parolado de S-ro Oruvieux ; bela ekspozicio aranĝita de S-ro Leval, Del.

En *Marseille*, 26 nov., festeto kunigis reprezentantojn de la grupoj de la Provenca federacio. Pli ol 65 partoprenantoj. En la oficiala kunsido S-ro Rigoir, prez. de la grupo en Marseille, faris tre favoran paroladon pri U. E. A. kaj la Internacia organizo. Dum la festeno, leŭtenanto Martin, el Nice, ankaŭ priparolis la saman temon. Beletaj koncertoj kaj balo finis tiun ĉarman feston, kiu estis vera sukceso por U. E. A. La lokaj ĵurnaloj longe raportis pri ĝi. — A. F.

En *Saint-Nicolas-les-Citeaux* (Franc.), sub la direkto de S-ro Ratouillet, Del., plensukcesa festo ; 300 ĉeestantoj.

La gastotablo de U. E. A. en *Dresden* okazos ĉiam la 3-an sabaton de l'monato, Stadtcafé, je 8 h. 1/2.

**Paroladoj.** — En *Alençon* (Franc.), 19 nov. sukcesa parolado de S-ro C. Bourlet

En *Mannheim* (German.), 7 dec., de S-ro Istel, Del., ĉe la komercista unuiĝo ; detala raporto en la ĉefa gazeto.

En *Tirnova* (Bulgar.), 3 dec. paroladoj pri U. E. A. de S-ro Malĉev kaj Nenkov, Del, La grupo aprobas la ĝisnunan laboron de U. E. A. kaj promesas helpi la Del.

En *Toulon* (Franc.), 3 dec., de P-ro Dumas, ĉe la labora borso. — A. F.

En *Kœnigsberg* (German.), 1-2 dec., S-ro Wichert, paroladis antaŭ 3-400 personoj, kun belaj lumbildoj pri la Sepa. Poste, fama aktoro S-ro Krak, brile deklamis du Esp. pecojn. S-ro Wichert ankaŭ paroladis en kvar danaj urboj. Tiu paroladvojaĝo de nia bona propagandisto havis feliĉajn rezultatojn. — J. S.

En *Savannah* (Usono), de S-ro J.-B. Spiers, Del. en Richmond. — E. O.

En *Beauvais* (Franc.), de S-roj Demarcy, Blin kaj Mourlot.

En *Wien*, de S-ro Sost, Del., pri praktika valoro de Esp. kaj U. E. A.

En *Krefeld*, 2 dec., de la Del. ĉe la Komiza societo.

**Paroladvojaĝo Privat.** — Nia kunlaboranto komencis sian unuan paroladvojaĝon vizitante sudan Francujon kaj Italujon. Jen kelkaj notoj pri liaj paroladoj :

*Lyon.* — Post favoraj artikoloj en ĉiuj gazetoj, precipe en la vespera « Salut Public » (plena biografio de la paroladonto). S-ro Privat faris en la Esperantista Hejmo la 25 nov., du interesegajn paroladojn. Posttagmeze, pedagogie, li parolis al profesiaj instruistoj kaj al instruantoj de Esperanto, kiuj ricevis valorajn konsilojn. Vespere, S-ro Privat faris en en Esp. paroladon pri literaturo kaj pri organizo internacia. Li temis la vivecon de Esperanto, sin apogante sur tiu fakto, ke Esperanto estas precipe praktika, kaj nur dank'al U. E. A. Poste li kontraŭbatalis nepravajn projektojn pri internacia organizo, montrante ke U. E. A. estas preta kaj kapabla plenumi duoblan taskon, kiu estas intime unuenura. Tiuj paroladoj estis plej bonaj instruoj por ĉiuj; liaj parolmaniero, stilo, logiko estis admirataj de ĉiuj ĉeestantoj. Ĉiuj societoj invitu nun S-ron Privat. Jen konsilo de tiuj, kiuj aŭskultis lian unuan paroladon en lia nuna ĉirkaŭvojaĝo. La lokaj ĵurnaloj publikigis poste bonajn raportojn. — E. P.

*Saint-Etienne.* — La 23 nov., S-ro Privat faris bonegan paroladon ĉe la grupo. La aplaŭdoj de multaj ĉeestantoj pruvis, ke la paroladisto ilin treege interesis. — E. G.

*Annonay.* — La 29 nov., S-ro Privat paroladis ĉe la urbdomo; prezidis S-ro Meyzonnier, prez. de la komerca ĉambro.

La sekvantajn tagojn, S-ro Privat sukcese paroladis en *Vienne, Genova, Firenze, Roma, Bologna.*

**Esperantiaj Regionaj Kunvenoj.** — *Bradford.* — La regiona kunveno okazis la 16 nov.; 30 personoj ĉeestis. La Del. legis sian raporton, poste la komerca konsulo raportis pri sia flanko de la agado. La raportoj estas unuanime aprobitaj. La membroj interparoladis pri la loka kaj ĝenerala agadoj de U. E. A. kaj precipe pritraktis la novajn fakajn asociojn, pri kiuj ili deziris pli precizan informon; oni altiris la atenton al la Statuto de U. E. A., laŭ kiu ĉiuj Esperantianoj jam rajtas ricevi la servojn de la asocio sen plua kotizaĵo rilate al la tri fakoj je kiuj apartaj asocioj estas starigitaj. Fine, la kunveno unuanime esprimis la opinion, ke se estas necese ricevi pli da mono por ebligi ke U. E. A., donu la diversajn servojn al siaj membroj, estus multe pli bone iomete pligrandigi la komunan kotizaĵon, ol krei fakajn asociojn (1).

*Genève.* — La regiona kunveno de U. E. A, okazis la 30 nov. Ĉar S-ro Stettler, ĝis nun Del., ne plu havas la tempon por plenumi tiun taskon, la kunveno elektis kiel anstataŭanton S-ron S. Sosnovski. Sekvis parolado de S-ro Hodler pri la nuna stato de U. E. A. kaj ĝiaj servoj.

*Neûchatel.* — Okazis la30 nov. S-ro Stroele, Del., raportis pri la progresoj de U. E. A. kaj la diversaj decidoj de la 2-a kongreso. La raporto estis akceptata kun danko.

## ESPERANTO KAJ LA REĜO DE ITALUJO

Nia kunlaboranto Edmond Privat, kiu nun faras en Italujo sukcesan parolad-vojaĝon pri Esperanto kaj U. E. A. havis la privilegion esti akceptata de la Reĝo de Italujo dum sia restado en Romo la 10-an de decembro. La vizito daŭris duonhoron. La reĝo, prenante gramatikon, petis, ke S-ro Privat korektu lian elparoladon kaj legis multajn paĝojn de teksto kaj vortaro. Li estis tre interesata pri U. E. A. kaj ĝia funkciado, kiun nia samideano detale klarigis al li, kaj kun plezuro eksciis, ke Internacia Kongreso de Esperanto okazos en Genova. Li opinias, ke la ĉefa eco de Esperanto estas la simpleco kaj se nur kvarono de la lernejoj ĝin instruus, estus « farita afero ». Li dankis pro la vizito kaj certigis, ke lin multe interesis la tre plenaj klarigoj, kiujn liveris al li nia paroladisto.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo Internacia* (9 nov. 1911).
Sub titolo *Unueco* (Th. Cart) :
« ...Esperantisto, diras la Bulonja Deklaracio, estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al ia aktiva societo esperantista, por ĉiu Esperantisto estas rekomendinda sed ne deviga. Tiu difino respondas du demandojn. Efektive rezultas el ĝi : 1-e. ke, se la unueco estas deviga sur la lingva Kampo, kie ĝi estas nepre necesa, nur sur la lingva kampo ĝi estas deviga ; 2-e. ke, ĉar la apartenado al ia societo estas nur rekomendinda, organiza unueco, eĉ se ĝi estas utila en diversaj cirkonstancoj (kaj pri tio neniu dubas), ne estas deviga ..».

La sama gazeto plene represis la paroladon de S-ro Hodler en Antverpeno pri « la organizo de la Esperantistaro kaj U. E. A. ».

∴ *La Revuo* (Dec. 1912).
El *Babilado* (C. Bourlet) :
« ... Mi tion ripetas, la Esperantistoj estas lernantoj, ne legantoj. Kaj tio estas grava domaĝo. La kaŭzo cetere estas facile klarigebla : ĝi estas la neimagebla akirfacileco de nia lingvo. La gramatiko kaj la sintakso de Esperanto estas tiel simplaj kaj logikaj, ke, tuj post kiam li ilin ekkonis, novebakita Esperantisto imagas, ke li ĉion spertis pri nia lingvo, kaj ĉion scias. Tio estas grandega eraro, ĉar restas enprofundiĝi en la spiriton de la lingvo. Kaj por tio oni devas uzi la lingvon kaj antaŭ ĉio multon legi. Kiel tre trafe asertis, en sia elokventa parolado, nia samideano Privat, lingvo ne konsistas el vortoj, sed el frazoj, el esprimitaj ideoj. Vivantá lingvo jam de sia naskiĝo, ĉar per pacienca ellaborado ĝia patro donis al ĝi tuj la vivon, Esperanto havas sian propran spiriton, sian memstaran elegantecon, kiun oni povas elkoni nur per longa uzado... »

∴ *Belga Esperantisto* (Nov. 1911).
Pro troa laboro, S-ro A. Van der Biest-Andelhoff, prezidanto de la Sepa, forlasas la redaktestrecon. Dum tri jaroj li prezidis la Belgan Ligon kaj tra grandaj malfacilaĵoj kondukis ĝin al fina bonstato. La redakcio estos prizorgata de de S-ro Van Schoor.

∴ *Oficiala Gazeto* (9 nov. 1911).
Tiu N-o. enhavas raporton pri la diversaj fakaj kunvenoj okazintaj dum la Antverpena kongreso.

∴ *Le Monde Esperantiste* (Nov. 1911).
Sub titolo « *Kiel nin organizi* » ( L. Lamant) :
« ... Persone, mi opinias, ke la por-esperanta propagando ne bezonas esti internacie organizita. Ĝi estas ĉefe loka, regiona, nacia afero. Loka grupo influas la lokajn estrarojn, konsilantojn, deputatojn, k, c. Regionaj federacioj, kiuj en Francujo, respondas nenian administran teritorion, estas jam malpli utilaj. Naciaj societoj povas influi la registarojn kaj per diversaj manieroj helpi al nia afero. Ili respondas teritorian, nacian administrajon. Sed al kio respondas internacia poresperanta organizaĵo ? al nenio ».

La sama gazeto rezumas jene sian opinion pri la organiza demando :
1-e. Ne pagi la kotizaĵon al Centra Oficejo ; 2-e. Postuli tamen la voĉdonrajton en la venontaj kongresoj ; 3-e. Alprenigi en la tagordon de la kongresoj ĉiun proponon de grupo aŭ de areto da delegitoj (10 ĝis 20) ; 4-e. Ne permesi, ke la kongreso alprenu decidojn, sed nur deziresprimojn submetotajn al la posta sankciado de ĉiuj grupoj ; 5-e. Forigi la Oficialecon de a Centra Oficejo ; 6-e. Ne kateni, per alia kreo, la liberecon de Lingva Komitato kaj de ĝia akademio ; 7-e. Permesi, ke la Akademio ricevu monon ; 8-e. Malebligi la oficialan starigon de ĉiu alia organizaĵo ».

∴ *Danubo* (Aŭg.-Sept. 1911).
El raporto pri la Sepa :
« ...Ekparoli pri la kunsidoj de la kongreso, mi preskaŭ ne kuraĝas ĉar, kiel mi diris komence, estis neeble al mi ĉion kompreni. Ekparoli pri maljustaĵoj okazintaj dum la kunsidoj mi ne volas. Sed tio, kion mi klare vidis kaj komprenis dum tiaj kunsidoj, konvinkis min, ke multaj samideanoj ne tro juste agas, kaj ne lojalaj ili estas... ».

∴ *Germana Esperanto-Gazeto* (déc. 1911).
Sub titolo *Pri tutmonda organizado de la Esperantistoj* (E. Starck) :
« ...La esperanta movado en la nuna tempo vere estas granda movado, kaj ĝi tial postulas urĝe novan organizadon, t. c. — laŭ mia opinio — demokratan organizadon. Super la diversaj naciaj organizoj devas esti konstruata granda kupolo, sub kiu ĉiu nacia branĉo povas loĝi... ».

El la sama. *Libereco kaj organizado* (H. Mangelsdorf) :
Libera, memstara, sendependa restu la tuta mondo de Esperantismo. Komuna idealismo vokas nin en niajn batalionojn, kaj komuna estas la ekstera devizo sur nia standardo : la devizo ke nur la Zamenhofa Fundamento interligadas nin. Esperantisto estas tiu, kiu konas kaj aprobas ĝin ; sed mondlingvisto, kiu preferas kaj aplikas alian sistemon ne povas samtempe esti Esperantisto. Ĉiu alia interligilo inter Esperantistaro tutmonda, eĉ se ĝi estas aprobata de nombrego inter ni, neniam povas esti deviga por ĉiu el niaj kunbatalantoj. Nek ia asocio, ligo aŭ kongreso, nek ia gazeto, nek ia instituto, nek nia Majstro mem estas kompetenta doni aŭtoritaton aŭ karakteron oficialan al ia alia interligilo inter Esperantistoj ».

∴ *Bayerische Esperanto-Mitteilungen* estas la nomo de la nova monata oficiala organo de Bavara Esperanto-Ligo.

∴ *Voĉo de Kuracistoj* ĉesas aperi pro ne sufiĉa subteno.

(1) Vidu pri tio klarigon en la *Esperantia Parolejo.*

∴ *Esperanta Gazeto* (Ap. 115, Guadalajara, Meksiko) reaperis.

∴ *La Vie Sportive* (Toulon, Franc.) 5 dec. Longa artikolo pri la jara festo de la grupo de Marseille B.

∴ *Le Littoral*, 6 dec., le *Petit Provençal*, 6 déc., notoj pri la festo en Marseille. C. C.

∴ *Il Piccolo della Sera* (Trieste), 25 nov. aperigas longan artikolon de S-ro Ipavitz, del. Gorizio, pri la prezentado de *Kaatje* en Antverpeno.

∴ *La République de l'Oise* (Beauvais, Franc.) 26 nov., enhavas detalan raporton de parolado de S-ro Blin pri U. E. A. kaj. Esp.

∴ *Rheinisch-Westfalische Zeitung*, 5. 24 nov. « Esp. kaj la nacia sento » bonega respondo de S-ro F. Pillath, Del., al artikolo kontraŭ Esp.

∴ En *l'Etoile Bleue*. nov. artikolo favore aludanta Esp. A. B.

∴ *I Diritti della Scuola* (Romo), 26 nov.. favora artikolo de S-ro Santi Severi.

∴ *Neue Augsburger Zeitung*, 8 dec., raporto pri sukcesplena parolado de S-ro Parrish.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Oficiala Jarlibro.**

Krom la kutimaj adresaroj kaj Esperantiaj informoj, zorge kontrolitaj kaj kompletigitaj, la Jarlibro de 1912 enhavos kalendaron, utilajn informojn pri internaciaj poŝtaj kaj monaj aferoj, tabelon de la memorindaj datoj el la historio de Esperanto kaj U. E. A. kaj klarigojn pri la novaj fak-asocioj. Plie, la Esperantistaj organizaĵoj, aliĝintaj kiel Esperantiaj Asocioj aŭ Entreprenoj, estas ordigitaj laŭ pli praktika maniero.

Kiel ĝi estos, la Jarlibro formos volumon da ĉirkaŭ *180* paĝoj, kiu jam per si mem plene kompensas la modestan kotizaĵon da 50 sd., kiun U. E. A. postulas de siaj membroj.

La dissendo de la Jarlibro komencos en januaro.

Ni rememorigas, ke dum la jaro aperos *du aldonoj*, kiuj estas sendeblaj ĉiu kontraŭ 10 sd. (de nun mendeblaj). La subtenantaj membroj ilin ricevos senpage.

**Gvidfolioj.**

Laŭ diversaj demandoj, ni ĉi-sube starigis la liston de la regionoj posedantaj gvidfolion :

Ansbach, Avignon, Barmen, Bath, Beaune, Berlin, Bordeaux, Breslaŭ, Calais, Cargagente, Cartagena, Cordoba, Cromer, Davos, Dijon, Douai, Dresden, Düsseldorf, Gibraltar, s'Gravenhage, Grenoble, Hannover, Kiel, Kœnigsberg, Kopenhago. Krefeld, La Rochelle, Lausanne, Le Creusot, Le Havre, Leipzig, Le Mans, Limoges, Le Locle, Louhans, Lyon, Marseille, Morges, Moskvo, Moulins, München, Nancy, Odessa, Pleven, Poitiers, Pont-de-Vaux, Porsmouth, Proŝtejov, Rostok, Roznov p. R., San Sebastian, Saratov, Sofia, Stokhlm, Tiflis, Tours, Worms-am-Rhein, Varsovio, Viŝnij-Voloĉok, Vladivostok, Worms.

La Gvidfolioj de la jenaj regionoj estas elĉerpitaj : Aachen, Bromberg, Bruselo, Dresden. Ĝenevo, Hyères, Kostroma, Odessa, Rostock, San Sebastian, Sens.

En januaro aperos la gvidfolioj de Bamberg, Ĝenevo (IIa eldono), St. Peterburgo.

Universitataj gvidfolioj ekzistas en Dijon, Grenoble, Innsbruck, Nancy.

Ni rememorigas, ke ni vendas plenan kolekton de gvidfolioj po *50 sd.*

La grupoj aŭ personoj, kiuj deziras eldoni gvidfolion, estas tre petataj skribi al ni por peti taŭgan specimenon, antaŭ ol prepari la manuskripton, ĉar tre ofte la alsenditaj manuskriptoj ne estas verkataj konforme al la ĝenerala modelo. Tiu rimarko taŭgas eĉ por la gvidfolioj presataj ne de U. E. A. mem.

**Etato de la Esperantianoj**

Je la 10 Decembro estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. *2.299* kotizaĵoj por 1912. (Antaŭa monato 1.052).

Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Beaune, Bordeaux, Bradford,* Crefeld, Dresden, Dublin, Gefle, S'Gravenhage, Moskvo, Nancy, Portsmouth, Rotterdam, *San Sebastian* kaj *Troyes* : Pli ol 50. *Paris.*

Fakaj membroj :

*Interŝanĝa Fako* : 91 ; *Laborista Fako* : 26 ; *Virina Fako* : 37.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monato Novembro :

| Ricevitaj : | Mandatoj : | Forsenditaj : |
|---|---|---|
| 1353 | 245 | 1896 |

Tuta sumo : 3 494 (sen la jarlibroj). Antaŭa monato : 3.065. Antaŭa jaro (sama monato) : 3.145.

*Konteltiro de U. E. A. de Oktobro 1911*

| Debito | *Sm.* | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Lupago | 20.60 | Fremdaj markoj | 12.78 |
| Oficejo & Korespondad. | 170.68 | Venditaĵoj | 36.44 |
| Salajroj | 170.00 | Diversaj Kontoj | 24.12 |
| Diversaĵoj | 2.60 | *Saldo* | 290.54 |
| | 363.88 | | 363.88 |

*Konteltiro de U. E. A. de Novembro 1911.*

| Debito | *Sm.* | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Oficejo kaj Materialo | 42.18 | Kotizaĵoj | 752.04 |
| Salajroj | 132.00 | Subtenantoj | 132.52 |
| Korespondado | 104 00 | Aprobantoj | 5.50 |
| Presaĵoj | 59.24 | Dumvivaj Membroj | 10.00 |
| Diversaj kontoj | 1.43 | Esperantiaj Entreprenoj. | 371.92 |
| *Saldo* | 1.057.51 | Anoncoj en Jarlibro | 141.52 |
| *Sumo* | 1.448.36 | Reklamaj servoj | 32.86 |
| | | *Sumo* | 1.446.36 |

*Fakaj Kotizajoj.*

| Debito | | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Saldo | 59.55 | Interŝanĝa Fako | 35.75 |
| Sumo | 59.55 | Laborista — | 9.66 |
| | | Virina — | 14.14 |
| | | *Sumo* | 50.55 |

*Subtenantaj membroj* (2-a listo) :

48. *V. Nejinskij* (Peterburgo) ; 49. *A. B. Hansen* (Kopenhago) ; 50. *G. I. Warner* (Widnes) ; 51. *W. Norris Jones* (Widnes) ; 52. *I. A. Buŝujev* (Moskvo) ; 53. *A. Richardson* (Bruselo) ; 54. *A. Rodionov* (Baku) ; 55. *W. W. Ĉarpenter* (Escondido) ; 56. *John T. Holmes* (Bradford) ; 57. *Chas-Bott* (Northumbd) ; 58. *St. Jordanoff* (Pleven) ; 59. *B. Arre* (Linkœping) ; 60. *Lauras* (Paris) ; 61. *An. Vlecia* (Moron) ; 62. *L. Poncet* (Lyon) ; 63. *H. Maresquelle* (Nancy) ; 64. *A. Grineva* (Staroĉerkask) ; 65. *L. Chardonet* (Laval) ; 66. *J. Zundgren* (Hedemora) ; 67. *G. D. Lewis* (Liverpool) ; 68. *An. Lochead* (Halifax) ; 69. *M. Alexandrov* (Moskvo) ; 70. *M. Bulockin* (Moskvo) ; 71. *K. Ŝidlovskij* (Moskvo) ; 72. *A. Ŝarapova* (Moskvo) ; 73. *Grupo Esperantista* (Lyon) ; 74. *S. H. Heaton-Pudolph* (s'Gravenhag) ; 75. *I. F. Dinslage* (London) ; 76. *R. Robertson* (London) ; 77. *W. Pitt.* (Bath) ; 78. *L. Lamant* (Limoges) ; 79. *C. Schenk* (Rolle) ; 80. *C. Vellozo* (Rio de Janeiro).

Al ĉiuj ni sendas koran dankon pro la helpo, kiun ili tiel alportas al nia Asocio.

La Direktoro.

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

Nomoj aperontaj en la Oficiala Jarlibro 1912 :

Bolton (Anglujo, Lancashire). — VD. : Joseph Miller, Eksadministranto, 31 Mellor Grave, Smithills.

Chartres (Francujo, Eure-et-Loire). — D. : J. Sonazay, 13, rue du Petit-Beauvais.

Genève (Svisujo). — D. : Samuel Sosnovski, studento, 5, rue Maurice Schiff. — VD. : Edmond Caburet, oficisto, rue de l'Ecole-de-Médecine.

Hiraclio (Grekujo). — D. : Johano Serkedakis, direktoro de « Kriti » (restarigita).

Hunavatnssysla (Islando). — D. : Bjorn P. Blondal, komerca komizo, Tungu a Vatnsnesi.

London (Anglujo). — SD. : W. G. Harrison, librovendisto kaj loka poŝtoficejo, 61, Lower Clapton Road.

Krasnojarsk (Rusujo, Siberio). — D. : Anatol Grigoriev, Gubernia Akciza Oficejo. — VD. : S-ino N. J. Afanasiev, Bolŝekaĉenkaja ul d. Bikovoj. (restarigita).

Savannah (Usono, Georgia). — VD. : F-ino Helen Whatley, E. Harris Street.

Sebastopolo (Rusujo, Taurien). — D. : J. N. Tasovskij, Malaja oficevskaja dom. N· 17 kv. 8.

Todmorden (Anglujo, Yorkshire). — D. : William Stansfield, Palma Buildings, Cornholme.

Weimar (Germanujo, S. W. E.). — D. : Luise Froberz, Wilhelmsallee 47 I.

Bartfa (Hungarujo, Saros). — D. : D-ro Vilmes Aŭsterlitz, kuracisto, univers. asistanto.

Bucaramango (Kolombio, Santander). — D. : Tuan F. Sarmiento, libristo. — VD. : Adolfo Harker Mutio, komercisto.

Cavallo (Alĝerio, Konstantino). — D. : F-ino Adrienne Rippert, instruistino.

Coupar Angus (Skotlando, Forfar). — D. Neil Lamont.

Ervy (Francujo, Aube). — SD. : Dosnon, intruisto.

Juiz de Fora (Brazilujo, Minas Geraes). — D. : D-ro Paulino Bandeira, r. Direita 79.

Kearsley (Anglujo, Lancashire). — SD. : Albert Triffit, administranto, 134, Bolton Road, Kearsley near Bolton.

Leono (Hispanujo, Leon). — D. : Emilio Amor, Paso, 1-2°.

Lusigny (Francujo, Aube). — D. : Hariot, lernejestro.

Moron (Hispanujo, Sevilla). — SD. : Antonio Vlecia, komisiisto, strato Canovas de Castillo.

Providence (Usono, Rhode Island). — D. : Henry S. Reynolds.

Retchitza (Rusujo, Minsk). — D. : Nicolaj Aleksandrivi Mnuĥin.

Rimini (Italujo, Bologna). — SD. : Modesta Carolfi, Monaĥo, Le Grazie.

Romilly-sur-Seine (Francujo, Aube). — D. : Spinner, Deponejestro de la Ferv. Komp.

Rorschach (Svisujo, St. Gallen). — D. Otto Haller.

Santa Anna do Pirapetinga (Brazilujo, Minas Geraes). — D. : D-ro Cactana A. Coutinho.

Southport (Anglujo, Lancashire). — D. George W. Iddon, 26, Kent Road, Birkdale, Southport.

Villeneuve (Francujo, Aube). — SD. : Rousselet, Distriktestro de la Ferv, Komp., 21, Rue de la République.

Withernsea (Anglujo, Yorkshire). — D. : Artur J. Turner, fervojoficisto, « Gomerock », Lee Avenue.

**Ŝanĝoj.**

Bologna (Italujo). — VD. : S-ro Ubalda Masi, notario, Asse 6.

Bromberg (Germanujo, Posen). — D. : Eduard Szymanovski, supera sekretario, Werderstr. 23. — VD. : D-ro M. Kandt, sindiko, Neuer Markt, 8.

Burnley (Anglujo, Lancashire). — D. : Arthur Whitham, 20, Hornley Str. — VD. : Herbert Hardaker, Mathews Str.

Contances (Francujo, Manche). — VD. : G. Ruault, 12, R. Fountaine Jouan.

Paris (Francujo, Seine). — SD. : Marcel Génermont, arĥitekto E. D. B., 71, Rue Monge.

(Bad) Reichenhall (Germanujo, Bavarujo). — VD. : Francis Six, bankoficisto, Kurfuerstenstr. 3.

## GRAVA DONACO POR ESPERANTO

La 12-an de decembro, ĉe la kutima monata vespermanĝo de la Pariza Esperantista Grupo, sub la prezido de S-ro Rollet de l'Isle, antaŭ grava ĉeestantaro, inter kiuj D-ro Senatano Reymond, deputado Breton, Glo Bailloud, grafo Montebello, S-roj Archdeacon Daniel Berthelot, Farman, Lefèvre, k. a., S-ro Michelin la fama franca industriisto, anoncis, ke li donacos sumon da 8.000 Sm. (20.000 frankoj) por krei premiojn al la junuloj de la francaj lernejoj, kiuj lernos Esperanton. Granda entuziasmo sekvis tiun deklaron. Senatano Reymond kaj S-ro Archdeacon dankis S-ron Michelin pro lia malavara donaco kaj la potenca helpo, kiun li tiel alportas al Esperanto.

Kiu imitos ?

## ORGANIZA DEMANDO

Ni atentigas nian legantaron pri la ĉi-suba tre grava raporto de la Prezidanto de la Burgonja Federacio al la Subkomisiono por Ĝenerala Organizajo. Oni rimarkos, ke tre granda plimulto de la grupoj, regule konsultitaj, plene aprobis la ideojn elmetitajn ĉi tie kaj konkretigitajn de la projekto de U. E. A.

∴

*Raporto de la Prezidanto de la Burgonja Esperantista Federacio al la subkomisiono pri ĝenerala organizajo.*

Tuj post la ricevo de la cirkulero de la Komisiono por Ĝenerala Organizo datumita de la 20a de septembro 1911, ni sendis, al la grupoj de nia Federacio, cirkuleron (no 6a) publikigitan en *Le Journal du Creusot* de la 19a de oktobro 1911, en kiu ni klarigis nian personan opinion pri la demando kaj petis, ke la grupoj bonvolu konigi al ni, kion ili pensas pri tiu afero.

Por plisimpligi la laboron, ni resumis la postulojn en kvar demandoj, kiujn ni studos unu post la alia. Ni devas diri de nun, ke nia federacio enhavas nune 21 grupojn kalkulantajn ĝuste 1.481 membrojn. El tiuj grupoj 18, reprezentantaj 1.395 membrojn, ĝis nun respondis. Post la teksto de ĉiu el la demandoj faritaj al grupoj, ni donos la respondojn faritajn.

∴

1o Demando. — *Ĉu vi aprobas por la Ĝenerala Organizo de l'Esperantistaro la principon de malalta opa kotizajo kiun la grupoj devos pagi por ĉiuj siaj membroj ?*

Du grupoj kalkulantaj entute 122 membrojn respondis *jes* ni akceptus pagi 0 fr. 25 por ĉiu membro.

Unu grupo da 60 membroj respondis *jes* ni akceptus pagi opan kotizon sed ne pli ol 0 fr. 05 por ĉiu membro.

Unu grupo kalkulanta 20 membrojn ne montris sian opinion.

*La 14 aliaj grupoj enhavantaj 1193 membrojn respondis : ni malaprobas la principon de opa kotizajo.*

2o Demando. — *Ĉu vi pli ŝatas la individuan kotizon pagitan nur laŭvole, kaj tute sendependan de la kotizo de la grupo ?*

Kvar grupoj enhavantaj 192 membrojn respondis ne.

Unu grupo da 20 membroj ne esprimis opinion.

*La dek-tri aliaj, kalkulantaj 1.183 membrojn aprobis la principon de individua kotizo.*

3a Demando. — *Ĉu vi pensas, ke estas dezirinde, ke la komisiono (starigita de la VIIa kongreso) akceptu almenaŭ principe la projekton de kunfando de U. E. A. kun la Centra Oficejo ?*

Unu grupo da 20 membroj ne esprimis opinion.

Kvar grupoj enhavantaj 83 membrojn respondis *ne* kaj tri el ili aldonis, ke ili timas, ke tio malhelpu la disvolviĝon de U. E. A.

*La 13 aliaj kalkulantaj 1292 membrojn aprobis la principon de kunfando,* ĉar du internaciaj organizaĵoj ne povos prosperi samtempe. Sed preskaŭ ĉiuj aldonis al siaj respondoj la deziresprimon, ke *en tiu ĉi kunfando, U. E. A. ne devos esti malpligrandigita.*

4a Demando. — *Ĉu vi pensas ke por la venonta kongreso la elekto de la delegitoj devas esti farata de ĉiu membro de la grupoj. Tio estas, ke oni prokrastu la aplikon de la kotizaĵo pagata al la Centra Oficejo ?*

Tri grupoj (123 membroj) ne esprimis opinion.

Unu sola grupo da 112 membroj respondis : ne.

*La 14 aliaj, kalkulantaj entute 1:210 membrojn voĉdonis por ke la pago de la kotizaĵo estu prokrastita ĝis post la VIIIa Kongreso.*

* * *

Mi ne bezonas insisti por montri la gravecon de tiu konsulto. Ĝi ne donas la opinion de unu sola persono aŭ eĉ de unu grupo, sed la opinion de Federacio enhavanta sufiĉe grandan nombron da grupoj por ke tiu opinio havu grandan valoron, tiom pli ke la grupoj povis studi la demandojn tute trankvile for de la bruo kaj eĉ konfuzeco, kiu preskaŭ devige regas dum kongresa kunsido.

Por ĉiu demando la voĉoj grupiĝis tiamaniere, ke oni trovis ĉiam almenaŭ 1.193 samopinantajn voĉojn. Tiu ĉi plimulto estas des pli atentinda, ke la kontraŭuloj neniam superis 192.

Fine estas interese noti, ke el 1.481 membroj enskribitaj en la Federacio, la voĉdonoj reprezentas 1.395. Nur 1/17o ne voĉdonis.

Ni estas konvinkitaj, ke la maniero, laŭ kiu ni konsultis niajn grupojn, estas la vere bona por koni ĝuste la opinion de la esperantistaro kaj ni bedaŭras, ke ne ĉiu prezidanto de Federacio aŭ de nacia societo faris la samon sur la teritorio de sia societo.

La Prezidanto de la F. F. G. B. ;
P. Dejean.

* *

En la lasta N-o de *Germana Esperantisto* aperis bonega artikolo de D-ro K. E. Weiss pri la Organiza demando. Pro ĝia intereso ni ĝin represas ĉi-sube :

Se internacia organizado de la esperantistaro estas urĝe necesa, la demando estas : kiu estas la fina celo de la Esperantismo ? Ĉu ĝi estas nur helplingva movado ? Tiam la sola celo estus la ĝenerala enkonduko de Esperanto, kaj post la tutlanda kaj tutmonda enkonduko de la helplingvo plua organizado kaj propagando ne plu estus bezona, ĉar la celo estus atingita. Se tio estus vera, poresperanta propagando estus necesa. Ĉar tia propagando nepre povas esti nur faka kaj nacia, por la solvo de la helplingva problemo, internacia organizado de la esperantistaro ne estus necesa, aŭ almenaŭ nur pro la evoluado kaj la pureco de la lingvo mem — motivo, kiu por la propagando ne estas tro esenca.

Sed la signifo de la Esperantismo ne estas elĉerpita je la celo de la ĝenerala enkonduko de Esperanto kiel helplingvo. Laŭ mia opinio estas la plej granda merito de U. E. A., unuafoje esti realiginta la grandan homaman penson de nia Majstro, el kiu naskiĝis nia lingvo nur kiel ilo por efektivigi « la belan sonĝon de l'homaro ». Se iam la celo de la nura poresperanta propagando estus realiĝinta per ĝenerala enkonduko de Esperanto kiel la dua lingvo por ĉiu, tiam nur la laboro por la celo de la vera Esperantismo en grandega mezuro komenciĝus, nur tiam la benoj de tiu bonfaro al la mondo sin montrus eĉ al la kritikemuloj — la benoj, kiujn la Majstro mem por ĉiam autaŭdiris en nia Liga Kanto, klare montrante la idealajn celojn, kiuj kreis Esperanton. Kaj tiu movado, la peresperanta, celanta plifaciligi kaj plibonigi la homajn interrilatojn, veki spite la naciaj kaj rasaj diferencoj la senton por la granda homa familio — la penso, kies efektivigo per Esperanto garantias eternecon al la nomo Zamenhof — estas esence internacia kaj bezonas internacian organizadon — sed ne novan organizaĵon, ĉar ĝi jam estas internacie organizata per U. E. A., kiu havas la sperton de trijara penplena, sed efika laborado.

Do la ĉefa parto de la Esperantismo estas ne la poresperanta, sed la peresperanta propagando. La poresperanta propagando estas nur ilo, la peresperanta la celo. Plue, la peresperanta movado, t. e. la praktika laborado farata de U. E. A., kaj laŭ ties principoj, estas ankaŭ la plej efika poresperanta propagando, ĉar ĝi klarigas al la neesperantistoj — kiujn plejmultfoje la poresperanta propagando tute ne atingas aŭ almenaŭ ne konvinkas — la utilecon kaj necesecon de Esperanto, kaj ke ĝi estas lingvo vivanta, uzota ne nur en ia plimalpli proksima estonteco, sed jam nuntempe uzebla kaj uzata ĉiam kun riĉa ideala kaj reala profito.

Sed ankaŭ por ĉiu esperantisto la peresperanta movado estas la esenco de l'Esperantismo. Se iu estas kapabla uzi nian lingvon, li estas konvinkita pri ĝia uzebleco kaj neceseco. Tial tedas lin la ĉiama pritraktado de poresperantaj demandoj en la grupo, kaj la nuna laborado por la propagando, kiu eble al aliaj donas profiton, sed ne helpas lin mem uzi la lernitan lingvon kaj mem ĉerpi la dolĉajn fruktojn de la samlingveca frateco. Kion li bezonas, estas la efektiva uzo de la lingvo ; kio lin fortigas en la daŭra poresperanta batalado, estas la « nova sento », ke skribe kaj persone por li ne plu ekzistas la naciaj bariloj, ke li, per Esperanto, estas ŝatata ano kaj kunlaboranto de tutmonda frateco. Tia praktika laboro peresperanta estas la tasko de U. E. A.

Resume :

1) La plej grava parto de la Esperantismo estas ne la poresperanta, sed la peresperanta movado ;

2) La peresperanta movado pli urĝe ol la poresperanta bezonas internacian organizaĵon, ĉar ĝi estas esence internacia ;

3) Tiun organizaĵon ĝi jam havas, nome U. E. A., kiu jam faris trijaran plej efikan laboradon, kaj jam nun organiziĝis en si la plimulton de la « praktikaj » esperantistoj ;

4) Se internacia organizado de la tuta esperantistaro por la tutaĵo de la celoj de la Esperantismo estas bezona, estas dezirinde, ĉefe ankaŭ pro monaj vidpunktoj, ke unu, ne du organizaĵoj kreiĝu.

5) La malpli grava, malpli internacia movado devas alcentriĝi al la pli internacia, la kreinda al la kreita, la poresperanta al la peresperanta, kiu estas la esenco de Esperantismo.

Tial : La organizaĵo de la tuta esperantistaro devas esti U. E. A., en iom pli larĝigita formo tiel, ke krom la nuna U. E. A., ankaŭ la Akademio, la Lingva Komitato, la Kongreso k. t. p. fariĝu « oficialaj » organoj de la internacia esperantistaro kiel partoj (fakoj) de la internacia organizaĵo de la Esperantismo, nome U. E. A.

D-ro Karl E. Weiss,
(*Schw.-Gmünd.*)

* *

La grupo « Beziers'a-Stelo » voĉdonis la jenan decidon :

Konsiderante, ke nun ekzistas kelke da *memstaraj* organizoj esperantistaj, nome : la Centra Oficejo, la Lingva Komitato, le Konstanta Komitato por Kongresoj, la Financa Konsilantaro, la U. E. A., k. t. p.

Konsiderante, ke estas nepre necese, ke kvankam vivantaj laŭ sia propra vivo, tiuj diversaj organizoj — ĉu *poresperantaj* kiel la unuaj, ĉu *peresperantaj* kiel U. E. A. — estu kunligitaj intime per sama *ĝenerala esperanta asocio* ; ĉar ambaŭ konkurencaj estus mortiga al Esperantismo ;

Konsiderante, ke la projekto jam prezentita de U. E. A., povas taŭgi por serioza bazo al la bezonata Kunligo ;

Konsiderante, ke simila organizaĵo estas jam uzita de nun ekzistantaj privataj asocioj (ekzemple framasonaro), kie ĝi donis bonegajn rezultatojn ;

Petas :

Ke interkonsento efektiviĝu inter la Esperantistoj antaŭ la oka kongreso en Krakovo, por difini, kaj tie prezenti, projekton de organizaĵo, akceptindan, kaj taŭgan por efektivigi unuecon de ĉiuj, per *Oficiala* ĝenerala organizaĵo.

(Subskribis : Thibayrenc, sekretario).

# Esperantia Parolejo

### Pri fakaj Asocioj

La deziresprimo de la Esperantia kunveno de Bradford (Vidu en *Esperantiaj regionaj kunvenoj*) pri fakaj asocioj de U. E. A. necesigas mallongan klarigon. La kreo de tiuj fakaj sekcioj ŝanĝas absolute nenion en la fakto, ke ĉiuj Esperantianoj rajtas uzi *ĉiujn* servojn aranĝitajn de U. E. A., interŝanĝe de sia membra kotizaĵo. Ĝi plie ne celas havigi specialajn monrimedojn al U. E. A., ĉar la fakoj estas finance memstaraj.

Tiuj fakaj sekcioj celas nur grupigi samfakanojn por defendo de iliaj fakaj interesoj interne de U. E. A., por plifaciligi iliajn interrilatojn, ebligi al ili doni kolektivan opinion pri la plej taŭga aranĝo de tiuj servoj, kiuj speciale koncernas ilian fakon. Por faciligi la realigon de tiu programo, ĉiu fako eldonas por siaj membroj specialan Bultenon. La starigo de fakaj sekcioj ŝanĝas do nenion en la maniero, laŭ kiu ĉiu Esperantiano rajtas uzi niajn servojn ; ĝi nur ebligas la kunlaboradon de la kompetentaj fakuloj por la *organizo* de tiuj servoj.

La Direktoro de U. E. A.

### Paroladvojaĝo Parrish

Kun granda ĝuo mi legis en No 111 de *Esperanto* la vere interesan artikolon de S-ro *Mahn*, Del. de U. E. A. pri la Breslaŭ-a parolado de S-ro Parrish.

De tiam S-ro Parrish vizitis ankaŭ Kolozsvaron (Hungarujo) kaj estante unu el la aranĝintoj de lia ĉi tiea parolado, pri tio mi povos rakonti eble ankaŭ kelkajn interesaĵojn.

La paroladon ni aranĝis sub la patronado de la loka komerca ĉambro, la 3-an de Novembro, en la universitata festhalo. Por tiu ĉi celo ni poŝte dissendis pli ol 1.500 presitajn invitilojn disdonigis proksimume 1.000 flugfolietojn kaj afiŝigis 200 frapantajn stratajn afiŝojn. Krom tio ni ankoraŭ publikigis en ĉiuj lokaj gazetoj diversajn komunikaĵojn pri la personeco kaj la farota parolado de S-ro Parrish (ĉi tiujn informojn la gazetoj enpresis ĉiam plej kompleze, *senpage*). Mi devas rimarki, ke per la diversaj presaĵoj ni tute ne malkaŝis, ke la parolado estas farota en Esperanto — tiun ĉi cirkonstancon ni sciigis nur al niaj klubanoj kvazaŭ sekrete — kaj la efiko estis tamen surpriza, eĉ eble des pli granda.

Estas nediskutebla, ke — same, kiel je aliaj aferoj — la bona reklamo efikas preskaŭ ĉiuokaze absolutan sukceson. La publiko, almenaŭ ĉe ni — kaj tio povas esti la sama kie ajn sur la terglobo — pretendas, ke oni ekveku per ia brueto ĝian interesiĝon. Ĉi tiaj ni ĉefe eldonis amason da invitiloj, flugfolioj k. t. p. Sed tiu — laŭ ŝajno iom artefarite ekvekita — interesiĝo rezultigis fine ankaŭ tion, ke la belega festhalo de nia universitato tute pleniĝis je la plej nobla, plej inteligenta publiko, en kies vicoj ni vidis grandan nombron da universitataj profesoroj kaj la reprezentantojn de la plej malnovaj historiaj magnatfamilioj en Transilvanio.

Antaŭ la multinterese atendita parolado de S-ro Parrish, S-ro Josefo *Hevesy*, vic-prezidanto de la komerca ĉambro, salutis per entuziasmaj vortoj la publikon kaj la paroladiston. La parolado mem, kiun prof. kand. Ilés *Marinka* tradukis hungaren bonege, tre plaĉis al la publiko, kaj oni multe aplaŭdis ĝin. Post la parolado la skribinto de ĉi tiuj linioj dankis al S-ro Parrish esperantlingve pro lia ĝuiga parolado, kaj Dir. Alberto *Nemes* en hungara lingvo pritraktis la gravecon de Esperanto.

Eksterordinare grandan efikon kaŭzis ankaŭ alia, tute sponta ekparolo, nome tiu de prof. Eŭgeno de *Cholnoky*, la tra Eŭropo fame konata geografscienculo, kiu — ĝis nun la plej fortega malaprobanto de la lingvo internacia — nun per unu fojo publike kaj elokventege kapitulacis al Esperanto. Krom tio li laŭde parolis pri la meritoj de la juna amerikano, S-ro Parrish.

Post la parolado estas aranĝita por la honoro de nia gasto komuna vespermanĝo, kie la nobluloj de la loka societo grandnombre kolektiĝis ; vico da tostoj, intervjuoj sekvis, kaj la sekvantan tagon matene la lokaj gazetoj per plenpaĝaj artikoloj montris la gravecon de l'interesa okazintaĵo, plej simpatie citinte ankaŭ Esperanton.

Entute oni devas konstati, ke krom la speciala mona kaj morala profito per la parolado atingita, rezultis ankaŭ granda triumfo por nia afero.

Estas tiamaniere nur memkompreneble, ke pro ĝenerala deziro la parolado devis esti nepre ripetita, tiel, ke entute pli ol 1.000 ĉeestantoj povas rememori kun plena laŭdo je la bela parolado de S-ro Parrish.

La Kolozsvaranoj faris certe ĉion por ke la simpatia gasto fartu bone en ilia rondo, kaj estas esperebla, ke la kelkajn ĉi tie pasigitajn tagojn ankaŭ S-ro Parrish envicigos en siajn plej belajn memorigaĵojn.

O. Amon (Kolozsvar).

### Oni laŭdas !

∴ Aleksandro *Juhneviĉ*, Del. en Vilno (Rusujo) esprimas koran dankon al sia kolego, S-ro Marcel Génermont, Del. en Parizo, pro lia afabla servemeco, kiu estis pli granda ol ĝin postulas la statuto.

### Internaciigo de la ilustrita nacia gazetaro

La graveco de la ilustritaj gazetoj ne bezonas pruvon. En tiuj ĉi tempoj de febra kaj rapida vivo, simpla rigardo de bildo kun mallonga sed preciza Klarigo, ŝparas la legadon de longa artikolo. Por internaciigi la ilustritan gazetaron sufiĉus, ke la gazetoj mem aldonu la klarigon de la bildoj en lingvo internacia. Atendante ĝis la redakcioj mem faros tion, mi proponas ke la Esperantistoj presigu aŭ hektografu sur gumita papero la klarigojn de la bildoj de la gazetoj de sia nacio. La klarigoj estos facile tranĉitaj kaj gluitaj sub la bildo. Oni povas elmeti la ĵurnalojn en la kafejojn kaj klubojn. Atendante ke tiu servo estu plene aranĝata, mi estas preta sendi regule italan ilustr. gazeton kun esp. klarigo al kiu ajn sendos al mi ilustr. gazeton de sia lando kun similaj klarigoj, kiun mi elmetos en la legejon de la loka Esp. Asocio. La prezo de ilustr. gazeto de Italujo estas 2, 4, 24 sd., la sendkosto eksterlanden 2, 6 sd. La presado de la klarigo de la ĉefaj 8-10 gazetoj kostos nur 2 sd. por ĉiu semajno kaj ĉiu ekzemplero, kondiĉe ke la aĉetontoj estus pli ol 100.

Per 1 sm. ĉiujare oni povus havi la klarigon Esper. de ĉiuj bildoj de la ilustritaj gazetoj de unu nacia. Per malmultaj sm. por jaro oni povus doni valoron al la ilustritaj ĵurnaloj de ĉiuj nacioj. Ĉu ne indas almenaŭ fari tiun ĉi eksperimenton ?

A. Tellini (Del. U. E. A.)
Bologna, Vallescura 11.

# Fakaj Societoj

### Unuiĝo de Esperantistoj Vegetaranoj

Oni informis nin, ke en Antverpeno S-ro Prof. P. Christaller estis preta skribi al la eldonejo de la Internacia Vojaĝ-poŝlibro por kontraŭalkoholuloj kaj vegeteranoj (Internationales Reisetaschenbuch für Alkoholgegner und Vegetarier) por emigi lin aldoni Esperantajn klarigojn. Tion li tuj post la Kongreso faris, kaj ricevis la respondon, ke la Redakcio estas ema akcepti la proponon. Unu el la filoj de S-ro Christaller nun jam tradukis la germanajn anglajn francajn vortojn de la adresaro k. t. p. por malgranda vortaro ; S-ro Prof. Christaller ankaŭ skribos mallongan Esperantan antaŭparolon, kaj en la nova eldono (1913) oni havos poŝlibreton taŭgan por ĉiulandaj Esperantistoj.

# Alvokoj

## Helpu, Bonfarantoj!

Jam estas konate, ke la pasintan someron en kelkaj regionoj de Rusujo okazis malsukcesa rikolto; ĉi tiun malfeliĉon suferas precipe nia orienta parto de Eŭropa Rusujo, inter kiu Ufa'a gubernio okupas unu el la plej malfeliĉaj lokoj. Tion kaŭzas ankaŭ apartaj kondiĉoj de la vivmaniero de nia loĝantaro, duonon da kiu konsistigas baŝkiroj-mahometanoj, kies kultureco estas tre malalta kaj pro tio ili suferas la nesufiĉon de l'rikolto multe pli ol aliaj, ĉar ilia termastrumaĵo estas ĉiam primitiva kaj ili ne havas kutimon provizi sin dum sufiĉa rikolto por tempo de okazebla malsato. Estas terura bildo, kiun oni vidas nun en multaj vilaĝoj de nia gubernio, precipe ĉe baŝkiroj, ja multaj mortas pro plena malsato; kompatindaj infanoj, neniom kulpaj pro sia malfeliĉo, ploras petante panon kaj ne ricevante ĝin, mortas... Kion diri plu, ĉu ne sufiĉas tiu teruro por ke bonaj homoj penu helpi iom kaj savi kelkajn de la nepra morto? La tuta bonfaraĵo, kiun faras niaj Registaro, Zemstvo k. a. privataj personoj, estas granda, tamen ĝi ne sufiĉas por nutri ĉiujn. Nia Zemstvo, kiu zorgas la savadon de l'malsatuloj, aranĝas komunajn laborojn por konstruado de vojoj, pontoj k. c. kaj en plej malfeliĉaj lokoj instalas manĝejojn, kie estas senpage ricevebla nutraĵo. Tiel estas nun, sed kio okazos vintre kaj printempe ĝis la nova rikolto — estas timinde pensi... — Mia amiko, S-ro Kurkovskij, ano de l'konsilantaro de « Zemskaja Uprava », hieraŭ vizitis min kaj detale rakontinte pri la terura stato de l'malsatuloj, petis min, kiel Delegiton, diskonigi tion tra Esperantujo, esperante helpon de samideanoj, kies eĉ ia ajn malgranda monofero estos danke ricevota. S-ro Kurkovskij, kiel mi, estas varmegaj samideanoj, kaj ni revis, se monofero ricevota por Esperanto estos sufiĉa por fondi specialan manĝejon en iu vilaĝo, ke tiam ĝi estos nomata « Esperanto », kiel signo de la vera sindonemeco inter la gesamideanoj.

Helpu, gesamstelanoj, kaj sendu, kiom ajn vi povas, viajn monoferaĵojn por malsatuloj, adresante tiujn tiel: « Ruslando, Ufa, Uezdnaja Zemskaja Uprava ». Ĉiu sendinto ricevos la ofican kvitancon. Aliaj gazetoj estas petataj transpresigi, krom tio mi petas fari tradukojn por nacilingvaj gazetoj.

Koran antaŭdankon!

Del. Veterinaro N. Foss.
Ufa, Rusujo.

## Konkurso

La Esperanta Societo « Verda-Stelo » Hamburgo, intencas presigi poŝtkartojn kaj serĉas bonajn konvenajn skizojn.

Pro tio la subskribinto promesas premion de 5 Sm. al tiu, kiu liveras la plej bonajn desegnaĵojn. La skizoj devas havi originalan poŝtkartan grandecon kaj estas liverotaj ne post la 15 februaro 1912 al la subskribita adreso. Ne uzu, se eble, pli ol 2 kolorojn por la desegnaĵo; povas esti ankaŭ fotografaĵo. Ĉiujn detalojn oni vidas en la precizaj kondiĉoj haveblaj kontraŭ respondkupono de Alfred Schœne, Hamburg 23, Wandsbecker Chaussée, 42.

## Angla ligo de katolikaj Esperantistoj

Oni ĵus fondis Anglan Katolikan Ligon, kiu estas fako de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. Tiu-ĉi ligo similas tiujn jam starigitajn en Francujo, Germanujo, Belgujo, Nederlando, Hispanujo kaj Hungarujo.

Oni petas ke ĉiuj anglaj katolikaj geesperantistoj sin turnu al la sekretario, S-ro C. A. Carroll, 24 Bedford Street, Stockton-on-Tees, Anglujo, por ricevi ĉiajn informojn pri la Angla Ligo de katolikaj Esperantistoj.

## Esperantista muzeo kaj biblioteko

Se oni vizitas la saksan ĉefurbon kaj alproksimiĝas al la rivero Elbe kaj al la fame konata teraso de la grafo Brühl, oni vidas tie belan grandan konstruaĵon, konstruitan de la lerta artisto Wallot: la parlamentejon. En tiu ĉi konstruaĵo en la unua etaĝo troviĝas la Esperantista muzeo kaj biblioteko, apartenanta al la saksa ŝtato. Feraj bretaroj en altega ĉambrego salutas la eniranton; bustoj, bildoj, reklamiloj k. t. p. ĉie sur tabloj, kolonoj, kaj muroj. Granda jam estas la nombro de la libroj pri internaciaj lingvoj. Prof. Bourlet en Parizo donacis multajn esperantajn librojn; kelkaj eldonejoj siajn eldonaĵojn; nia mortinta amiko prof. Lederer, sian tutan volapükistan bibliotekon; S-ro Wallon, el Frankfurt, tre interesajn literaturaĵojn pri lingvo internacia; S-ro Brzostowki kaj S-ro Günther en Varsovio, preskaŭ la tutan polan literaturon de Esperanto; la redakcio de « Universo » de tempo al tempo ĉiujn bildojn kaj literaĵojn ricevitajn por recenzo; la busto kaj granda bildo de l'majstro ne mankas, eĉ la majstro mem sendis manskribite por la muzeo siajn du poemojn « La Espero « kaj « La Vojo », kiujn oni povas rigardi kun multaj bildoj el la unuaj tempoj de Esperanto en vitrokesto; kaj ĉiu fremda Esperantisto, kiu vizitas la bibliotekon kaj trovas, ke iu libro de li aŭ de iu el liaj amikoj mankas, sendas ĝin estinte reveninta hejmen. Do ĉiu kunhelpas, por kompletigi kaj riĉigi tiun ĉi reĝan kolekton, kaj li agas tute prave, ĉar la registaro faras ĉion, por faciligi la uzadon de la Esperantaĵoj al Esperantistoj kaj ne-Esperantistoj, kiuj volas pruntepreni aŭ detale studi ion. Nenio mirinda, ke ne nur Dresdenaj samideanoj vizitas kaj uzas la bibliotekon, sed ankaŭ multaj aliaj germanoj el aliaj urboj kaj eĉ negermanoj. Oni ĝojas, ke oni havas okazon ricevi el reĝa biblioteko en ŝtata konstruaĵo laŭ ŝtata regularo nian esperantan literaturon. Ja, eĉ niaj kontraŭuloj, eĉ la indiferentuloj jam scias, ke ili povas vidi en tiu ĉi muzeo Esperantaĵojn; registaroj, kiuj volas sin informi pri Esperanto, skribas al tiu ĉi reĝa biblioteko por ricevi literaturon kaj informojn kaj reĝa bibliotekisto estas devigata respondi kaj plenumi la petojn. Certe tre grava institucio por tuta Esperantujo! Kaj laŭ nia opinio institucio, kiun ni Esperantistoj devas apogi ĉiamaniere.

Do, karaj gelernantoj, se Vi ion havas superfluan, ne forĵetu ĝin, ankaŭ se ĝi eĉ estas nur esperantista regularo aŭ propagandilo, sed sendu ĝin al tiu ĉi biblioteko! Kaj Vi verkistoj, kiuj skribas librojn verkojn kaj verketojn, ne forgesu sendi unu ekzempleron al tiu ĉi muzeo por ke tiu ĉi reĝa kolekto fariĝu honora moumento de nia movado! Ĉion oni sendu sub la adreso: Reĝa biblioteko, Dresden, Standehaus, I. etaĝo, ĉambro 83.



Ĉiujare la Burgonja Esperantista Federacio donacas, post ekzameno vojaĝstipendion al unu el siaj junaj membroj por fari rondvojaĝon per Esperanto. La stipendiulo, ĉe sia reveno, devas fari raporton pri tio, kion li vidis kaj spertis. Tiun ĉi jaron, S-ro R. di Rienzi estis stipendiulo kaj faris nur pro kaj per Esperanto tre interesan vojaĝon, kies diversajn okazintaĵojn li humorplene rakontas al ni per la supre nomita broŝuro. Leginte ĝin oni konvinkiĝas pri la nuna utileco de Esperanto kaj U. E. A.

La legado de tiu broŝuro estas tute rekomendinda por Esperantaj lernantoj ĉe kursoj aŭ grupoj. Niaj instruantoj ĝin uzos kun profito por interrompi la unutonecon de la gramatikaj klarigoj kaj fervorigi siajn instruatojn.

## NOVAJ LIBROJ:

**Albrecht Dürer.** — Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Luksa volumo da 93 paĝoj kun 57 bel-

egaj reproduktajoj de la majstro. Verkoj de l'fama pentristo (trad. de la Germana Esperanto-Asocio.

Prezo : Sm. 2. — Lukse bindita : Sm. 2.50.

**La Ponto.** — La organizado de la Intelekta Laboro per « La Ponto ». De K.-W. Bührer kaj Ed. Saager. Trad. de J. Schmid. L, K. 157 paĝoj, 2 Mono.

Prezo (kartonite) : Sm. 2. Lukse bindita : Sm. 2.50.

**Aline.** — Svisa rakonto de C. F. Ramuz, trad. René de Saussure, Akademiano, 150 paĝoj. Prezo : 1 Sm. (afrankite).

**Esperantista Kantaro.** — Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Necesega al ĉiuj grupoj.

Prezo : Sm. 0.40.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, mono.

Prezo : Sm. 0.20.

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizajoj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze.

Prezo : Sm. 0.50.

**Ostlorn,** vilaĝaj skizoj de S. Ulfers. Trad. el holanda lingvo M.-J. Wessel. 294 paĝoj.

Prezo (Broŝurite) : Sm. 1.65. — Lukse bindita : Sm. 2.05.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 o/o por la afranko*

## OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Propagandiloj*

**Esperantismo.** — La internaciaj rilatoj. Esperantismo kaj Esperanto. La servoj de U. E. A. Elementoj de Esperanto.

Propaganda broŝuro de H. Hodler. Havebla en la lingvoj *angla, franca, germana* aŭ *rusa*.

Prezo (afranke) : Sm. 0.10.

Por mendoj de pli ol 10 ekz. rabato da 33 o/o.

**La Internaciaj rilatoj.** — Propaganda okpaĝa folio pri la servoj de U.E.A. Havebla en la lingvoj *angla, franca* aŭ *germana*.

Prezo (afranke) : *10 ekz.*, Sm. 0.10.

*100 ekz.* Sm. 0.80.

Ambaŭ supraj verkoj estas rekomendataj al ĉiuj propagandistoj.

*Oficiala insigno*

Verda stelo kun blank-ora rando, literoj U. E. A.

Pinglo aŭ broĉo . . Sm. 0.36 Butonò . . . . . Sm. 0.48

Oni aldonu Sm. 0.10 por rekomendo.

*Oficiala skribmaterialo*

*Leterpapero*, 100 ekz. $ 0.75 *Poŝtkartoj arte ilustritaj*
*Kovertoj*, 100 ekz. $ 0.60 10 ekz. $ 0.40
*Poŝtkartoj*, 100 ekz. $ 0.75 (Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. $ 0.60

**Universala Esperantia Librejo**
*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# REKLAMO

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj): 20 Sd (≡ 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) 15 Sd (=40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco 20 Sd (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 1, Avenue de Sceaux, *Versailles*; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, X<sup>e</sup> ; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 2, *Paris* ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* ; Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Anding, *Berlin, S. W. 48*; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig*; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizajo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Berlin (Germanujo). — S-ro Karl Behrle, 2-o Stralauerallee (Socialaj internaciaj temoj).

Berlin S 59 (Germanujo). — F-ino Gertrud Fischer, Urbanstr., 30.

Berlin (Germanujo). — S-ro M. Maschler, Berlin, 37. Saarbrückenstr. 12. PI. L. PK. PM. (kun ĉiuj landoj).

B. Kamnitz (Aŭstrio-Bohemujo). — S-ro E. Puhr, Rosmarkt. — F-ino Mina Hablasch, Villa Maria.

Bucaramangga (Kolumbio, Suda Ameriko). — S-roj Adolfo Harker Mutis kaj Juan F. Sarmiento. PI. (precipe kun fraŭlinoj).

Caussig (Germanujo-Saksujo). — S-ro Emil Wahode, L. PI. kun ĉiulandaj samideanoj (prefere kun hungaroj, bulgaroj, rumanoj, serboj, turkoj kaj grekoj). F-ino Liddy Wahode (same).

Dresden (Germanujo). — S-ro Richard Renger-Innere Arsenal. FI. A. PI. (kun negermanoj).

Gommershein apud Speier/Rhein (Germanujo). — S-ro Valentin Brauch PI. L. (kun enlandoj kaj eksterlandanoj).

Hinacourt (Francujo, Aisne). — S-ro Poreaux, instruisto, PK. L. (kun ekstereŭropanoj).

Kiev (Rusujo). — S-ro M. Kiepermann, 59, Kuznečnaja, PI.

Klobouky u Brna (Aŭstrio-Moravio). — S-ro Josef Hutak, instruisto kaj Ela Plockova, instruistino (precipe kun junaj esperantistaj instruistoj kaj studentoj).

Krakov (Aŭstrio). — Stanislavo Dziedusaycki, gimnaziano, str. Biskupia 9 ; PM. kun ĉiulandaj samideanoj.

Luck (Gubernio Wolynska-Rusujo). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec deziras interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.

Mæhr.-Ostrau (Aŭstrio-Moravio). — S-ro Erwin Schlesinger, ĉe L. Bronner.

Mannheim (Germanujo). — S-ro R. Hœber, Gr. Wallstr. 38. PI. PM. (kun ĉiuj landoj).

Memmingen (Germanujo-Bavarujo). — S-ro Franz Goldbacj, advokato, Bahnhofstr., 2, PM. de pli altaj valoroj, sendajo se estas unue petata.

Praha-Ziškov (Aŭstrio). — S-ro Josef Hampl, Havlíčkovo nam 189. PI. PM. (kun samideanoj en ĉiuj landoj).

Riazan (Rusujo). — S-ro M.-D. Cimbalisty. PI. L. PM. (kun gejunuloj kaj gelernantoj, interŝanĝas portretojn).

Riazan (Rusujo). — S-ro N.-N. Ginsburg, PI. (kun ĉiulandanoj).

Riazan (Rusujo). — S-ro Ivanov Ivan, 1-a gimnazio, VIII kl. Pl. bfl.

Romans (Franc.). — Kolonel-leŭtenanto Pillon aĉetas, interŝ. kaj cedas PM.

Roasi Kamenc (Rusujo). — S-ro B. Ginzburgy, dom Kogana Pl. (kun ĉiuj landoj).

San Felin de Guixols (Hispanujo-Katalunujo). — S-ro Joh. Pagés, poŝtejo PM. (kun ĉiulandaj samideanoj).

Saint-Galmier (Francujo, Loire). — F-ino Pallanche, rue Chazelles.

Saint-Etienne (Francujo, Loire). — S-ro A.-L. Chaize, 21, rue Grange-de-l'Ouvre, Pl. PM. (sendu specimenojn).

Stuttgart (Germanujo). — S-ro E. Jetter, stud., inĝ. Technische Hochschule Pl. PK. (ne kun germanoj, francoj kaj angloj).

Ufa (Rusujo). — S-ro V.-V. Zavjalov, Reallernejo- instruisto, naturalisto kaj bienhavanto (kor. pri geografio, agronomio, etnografio kaj kolektas vidaĵojn).

Warnsdorf (Bohemujo. — S-ro Karl Fischer, Kreditanstalt ; PM.

Wasiliki (Rusujo)-gub. Vilna). — F-ino Eŭgenia Postulov, bieno Olenszczyzna.

Zabrze (Germanujo). — S-ro Johann Klou, vendisto, Kronprinzenstr. 129 kaj S-ro Czech, instruisto, Luisenstr. 4 (kun ĉiuj ne samlingvaj samideanoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ




*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).


